VI[a] jaro. N° 90 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 20 Novembro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

Direktoro : HECTOR HODLER



## Dum la lasta duonmonato

**Jam multaj personoj kaj entreprenoj aliĝis al U. E. A. por 1911. Oni rapidu repagi sian kotizajon !**

**La Oficiala Jarlibro aperos en komenco de Decembro.**

**La Brita Esperanto-Asocio, kiel la germana, starigas kapitalfondaĵon da 60.000 Sm. por la propagando de Esperanto en Britujo.**

## AL NIA LEGANTARO

Antaŭ pli ol tridek monatoj ni skribis en tiu sama loko, parolante pri la agado de nia jurnalo : « Niaj legantoj agu por nia gazeto, ili diskonigu ĝin ĉien, varbu al ni novajn amikojn, kaj ni tre baldaŭ povos efektivigi la progresojn, kiujn postulas la graveco de nia programo. Cetere, ne la ekstera formo de gazeto estas grava, sed la celo, kiun ĝi difinis al si, la ideoj, kiujn ĝi penas disvastigi. Fondi iun novan gazeton signifas nenion, se al tiu gazeto ne estas alligita ia programo... » (1).

Niaj legantoj juĝu, ĉu tiu lasta parto estis plenumita. La kreo de U. E. A., ĝia rapida disvastigo en la tuta mondo, le instigo al la organizo de praktikaj organizaĵoj, jen tiom da rezultatoj, kiuj sufiĉe pravigas la aperon de tiu jurnalo kaj rekompencas por la laboro ne malgranda, kiun ĝi trudis al ni.

Tamen, jurnalo ekzistas ne nur per la ideoj, kiujn ĝi defendas, sed ankaŭ per io multe pli konkreta, nomata mono.

Dum nia agado ni konstatis ĝojigan kreskon de nia legantaro — cetere proporcie malpli rapidan ol la samtempa kresko de la Esperantianaro — sed ni estas en tiaj kondiĉoj, ke se ni ne radikale ŝanĝas la sistemon de vendado, ju pli da legantoj ni varbos, de pli da malgajno ni havos. Tio sufiĉas por montri, ke ŝanĝo estas absolute necesa. Ni ne bezonas rimarkigi ke la eldonado de nia gazeto ne nur ne donis gajnon — kion ni cetere antaŭvidis — sed alportis malgajnon, kiu estas suferebla... kondiĉe ke ni vidu proksiman finon de ĝi. Kelkaj personoj eble miros je tiu rezultato. Tio pruvos, ke ili, tre pardoneble, ne havas ĝustan ideon pri la malfacilaĵoj, kiuj prezentiĝas por la eldono de ĉiuspeca *jurnalo* ĝenerale, de jurnalo *internacia* speciale, de internacia *Esperantista* jurnalo tute aparte.

Jurnalo nacia, kies sendkostoj estas malgrandaj, povas vivi nur se ĝi havas multenombran konstantan abonantaron kaj anoncojn. El la ponumera vendado, ĉiu jurnalo nur malgajnas. Tiun malgajnon povas kompensi nur granda nombro de anoncoj, proporcia kun la disvastiĝo, kaj aliparte pli-malpli puraj operacioj, kiuj trop ofte spekulacias pri la naiveco de la publiko.

Se jurnalo nacia vivas malfacile, tiom pli malfacile vivas jurnalo internacia. Krom la supraj malfacilaĵoj, ĝi estas enkatenigata de la altaj poŝtaj elspezoj, per kiuj la nunaj registaroj pruvas sian simpation al ĉio, kio estas internacia ; alifianke la plej granda parto de la gajnigaj reklamoj, kun loka aŭ regiona karaktero, estos neakireblaj, precipe se la jurnalo estas idea gazeto. Tia jurnalo povas vivi nur se ĝi havas sufiĉe grandan abonantaron kaj eksteran monhelpon. Cetere multaj tiel nomataj internaciaj jurnaloj estas internaciaj nur per la titolo presita sur la kovrilo. Oni prave povus diri, ke, krom la Esperanta, gazetaro kun internacia publiko fakte ne ekzistas.

Por Esperanta internacia gazeto aldonu al ĉiuj supraj malfacilaĵoj la limigon de la lingvo. Efektive se Esperanto permesas al ni havi absolute diversnacian klientaron, ĝi estas nombre tre limigata. La nombro de la personoj kapablaj legi Esperantan tekston ne superas kelkajn milojn dum la kampo de la nacilingva gazetaro estas por tiel diri nelimigata. Sed ankoraŭ pli grava malhelpo estas la multeco, la tromulteco de la Esperantaj gazetoj : Por ĉirkaŭ dekmilo da aktivaj Esperantistoj ekzistas sepdeko da gazetoj. Oni ridetus pri urbo de dekmil loĝantoj, kiu havus tiom da gazetoj kaj tamen en tia urbo la bezonoj estas multoble pli diversaj ol en nia Esperantujo. La unua konsekvenco, pri kiu oni ne devas miri, estas ke la tri' kvaronoj de tiuj gazetoj havas malfacilan vivon se oni povas nomi vivon tiun malfeliĉan kuradon de deficito al monkolekto, de monkolekto al privata helpemo, sed dume kia perdo de fortoj, kia divido de energioj, kia malŝparado de tempo kaj mono ! Dume la gazetoj havantaj veran rolon suferas pro la ekzisto de folioj kreitaj por la bezono de apenaŭ cento da personoj aŭ, plej ofte, pro simpla iluzio de l'fondinto, kiu kredas ke gazeto estas necesega por la progreso de Esperantismo en sia regiono, dum ĝi malhelpas al Esperantismo, forprenante klientaron, per kiu sola povas vivi la gazetoj havantaj utilan rolon. Tia nombro de gazetoj, kiu al tromultaj personoj ne informataj pri iliaj veraj vivkondiĉoj, ŝajnas multvalora posedaĵo de nia movado kaj pruvo de vivo, estas simple signo de mizera anarkio, pro kiu sinsekve mortos tiuj samaj gazetoj. Por ebligi la vivadon de tiel multaj gazetoj oni devus tuj dekobligi la Esperantistan movadon... aŭ, se ne, malaperigi la tri kvaronojn el ili. En ĉi tio kuŝas la kaŭzo de la malfacila vivo de la gravaj Esperantaj gazetoj, speciale internaciaj, kaj ni opinias, ke estas utile al Esperantismo malkaŝe atentigi pri tiu danĝero anstataŭ blinde fanfaroni pri ĝi.

Ĉiuj tiuj kaŭzoj, kaj kelke da aliaj ankoraŭ, igas nian taskon malfacila. Tre sincere ni diras, ke se ni ne juĝus, ke **Esperanto** estis utila kaj povos ankoraŭ esti utila, kiel la organo de nun plenviva U. E. A., ni donus la ekzemplon, ĝin ĉesigante.

Prenante sur nin la direktadon de **Esperanto** ni celis fari el ĝi malkaran popularan jurnalon, ponumere aĉeteblan, ĉie elmeteblan, informilon pri Esperantismo kaj internacia vivo tian, kia ĝi povus esti utila al ĉiuj samideanoj. Tiu ideo estis tiom pli malfacile realigebla, ke ĝi estis bela. Se nacia gazeto, eĉ havanta grandan klientaron, malgajnas el la ponumera vendado, tiom pli malgajnos internacia. La gravaj poŝtelspezoj, la altaj rabatoj, la riskoj de la vendado, ktp. krom la laboro kiun ili trudas al ni, nuligas ĉian profiton. Ni ne parolas pri la personoj, feliĉe nun malmultigitaj, kiuj pagis la menditajn ekzemplerojn per promesoj kaj ĉio, escepte per mono aŭ tiuj, kiuj en la nomo de propagando petas ĉion senpage kaj kredas, ke ni povas pagi la presiston aŭ la poŝton per similaj vortoj. Nu, la tempo venis por haltigi tiun sistemon. Entrepreno kiel jurnalo devas vivi per si mem. Ni nun havas la pruvon, ke internacia Esperanta jurnalo povas vivi nur se ĝi havas *multenombran regulan abonantaron*. De la komenco de 1911 ni do nepre forigos la ponumeran vendadon de **Esperanto** ĉie, kie ĝi estis. Ni do petas, ke ĉiuj ĝisnunaj ponumeraj aĉetantoj, kiuj deziras plue legi nian jurnalon, bonvolu *ĝin aboni*, anstataŭ ĝin aĉeti poekzemplere. Ni konscias, ke tio estas por ili iom malpli oportuna, sed ni kuraĝas peti de ili tiun oferon. Ni eĉ longe hezitis eĉ ni plialtigos nian abonon je 2 Sm. Ni tamen ne faras por faciligi la abonadon de la ponumeraj aĉetantoj. Pasante, ni rimarku, ke pro sia duonmonata regula apero, sia riĉa materialo, **Esperanto** estas la gazeto, kies abono estas la plej malkara. Pri la enhavo mem kaj farindaj plibonigoj ni rezervas niajn legantarojn al la artikolo dediĉata al nia « Plebiscito ».

Sed la fakto ke **Esperanto** fariĝas jurnalo nur kun abonantoj starigas la demandon, ĉu ne estus preferinde, konservante al ĝi la jurnalan karakteron, plimalgrandigi la nunan *formaton* kaj kompense plimultigi la paĝonombron. La teksto estus sama, sed la formato estus pli facile uzebla kaj la jurnalo formus bindeblan kolekton. *Ni petas ĉiujn niajn legantojn, ke ili bonvolu sendi al ni sian opinion pri tio antaŭ la 15ᵃ de decembro*, tiel ke la ŝanĝo, se estas, povu komenci kun la nova jaro.

Ni esperas, ke niaj amikoj, precipe tiuj, kiuj sekvis nian agadon dum tri jaroj, komprenos la neceson de tiu ŝanĝo kaj aliformigo, kiun ni ne efektivigas sen doloro, ĉar ĝi estas ĝuste la malo de tio, kion ni celis. Por vivi kaj progresi nia jurnalo bezonas, ke la pli granda parto de la ponumeraj aĉetantoj ĝin abonu kaj ke oni energie klopodu por pligrandigi la nombron de niaj abonantoj. La Esperantistaro diru, ĉu ĝi preferas havi nur kelke da gazetoj reprezentantaj sufiĉe multajn komunajn interesojn kaj havantaj klientaron kiu permesas al ili normale vivi, ol centon da gazetoj ~~sin~~ reciproke malutilantaj, baraktantaj kontraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj antaŭ ol perei. Ĝi diru, ĉu **Esperanto**, kiu prezentiĝas, kun programo kaj faktoj realigitaj, meritas esti subtenata !

H. HODLER.

(1) *Esperanto*, n° 24, 27 januaro 1908.

## SOCIA VIVO

### GEOGRAFIO

#### Terura Ruino

Nova terura ruino falis sur Italujo. La Napola ĉirkaŭaĵo, tiu bela lando, perdis kelkcentojn da gefiloj, multajn konstruaĵojn, plantaĵojn, rikoltojn.

Aluvioj danĝeris Ischian (Iskion) kaj pro pluvegaj torentetoj superakvis ; precipe Camilla, fluante inter krutaj ŝtonegoj per terura furiozo falegis sur vilaĝo Cetara (Ĉetara) detruante domojn al centoj de familioj, farante el ili amason de ruinoj.

Bela, malfeliĉa Cetara kuŝiĝinte sur deklivoj de du montoj kun ĉirkaŭ 400 ducetaĝaj domoj, vi preskaŭ plu ne ekzistas ! vi nunploras ducent mortintojn kaj preskaŭ ĉiujn domojn detruitajn ; viaj kulturaĵoj estas kovritaj je koto, ŝtonoj, montpecoj disfalintaj.

Ĉirkaŭ Cetora ploras pro ruinoj Amalfi, Casamicciola, Vietri, Minori, Griffoni k. a.

Nun la vivantoj restas sen domo kaj sen pano plorante pro la malaperintaj familianoj.

Oni tuj alportis helpon : eĉ nia bonkora reĝo tuj alkuris kun la Duko d'Aosto kaj kun du ministroj por iom konsoli tiom da malfeliĉuloj.

BIANCHINI.

### EKSPOZICIOJ

#### Pripensoj pri tutmonda ekspozicio

.....Vojaĝo tra la ekspozicio de Bruselo egalas plej interesan kaj enhavoplenan vojaĝon ĉirkaŭ la mondo. Trastudinte la ekspozicion, oni kvazaŭ trairis kurson en pli ol unu supera lernejo. La ekspozicio estas ne nur belega elmontraĵo de ĉiuspecaj komercaĵoj, ĝi estas kolekto de centoj da muzeoj, plej granda teatro de l'nuna epoko kaj de l'estinteco. Ĝi estas fabele granda fizika kabineto kaj same grandioza ĥemia laboratorio, ĝi prezentas modele aranĝitajn metiejojn de l'plej diversaj fabrikoj. Tie-ĉi oni facetas briliantojn, oni fandas minaĵon, oni kudras botojn, oni faras vitron, paperon, kaj apude oni ankaŭ presas gazeton, librojn, belajn oleografaĵojn, por malkara prezo akireblajn, kopiojn de l'plej grandaj tutmondaj pentristoj. La lingvo de koloroj kaj de linioj ja estas komprenebla por ĉiuj popoloj ; la ĵus presitaj kopiaĵoj, pentraĵoj kaj albumoj de statuoj tuj estas disaĉetataj de ĥinoj, negroj, kreoloj, mulatoj, indianoj, aŭstraliaj ŝafedukistoj, italoj, norvegoj, afrikaj kafroj, kolonianoj de Jamaika kaj de Havaja insularo. Tie-ĉi laboras fotografaparato, tuj preparanta fotografaĵon de ĉiu deziranto, fonografo, kopianta voĉon parolantan aŭ kantantan, telegrafo ; ili laboras publike, kaj oni klarigas la procedon, oni rakontas, per kiu kaj kiam ĉio-ĉi estas eltrovita.

Plue oni vidas fabrikadon de potaĵoj, de vitro, porcelano, fajenco, de speguloj, de kvarcvitro. En la vestiblo estas lokita mezepoka kabineto de alĥemiisto. Ronda arkaĵa turo. En dikaj muroj mallarĝaj gotikaj fenestroj kun koloraj vitraĵoj ; preskaŭ duonon de la ĉambro okupas granda fajrujo kun flamanta fajro. Super la fajrujo pendas kaldronoj, pli malpli grandaj, fandujoj, kie bolas io, brubolas, pleniganta la aeron per grizetaj sufokigaj elvaporaĵoj. Sur murbretoj estas vitraj vazoj, boteletoj, flakonoj, potoj. La tablo, la larĝaj fenestroj kaj la planko estas kovritaj de dikaj, ledobinditaj libroj, manuskriptoj, misterplenaj elkalkulaĵoj. Super la kaldrono, ĉe la fajrujo, staras maljunulo kun longa barbo kaj longaj grizaj haroj, en larĝa kaj longa kamizolo. Li estas alĥemiisto. Dum dekoj da jaroj li tagojn kaj noktojn pasigas ĉe la fajrujo, penante elserĉi rimedon por eterne konservi junecon kaj por akiri riĉaĵon. eltrovi porvivan eliksiron kaj ŝtonon filozofian, kiu devas farigi oron el fero, stano kaj kupro.

La penadoj de l'alĥemiistoj ne atingis la celon. Nek eliksiro, nek magia pulvoro estis eltrovitaj. Sed la scienco trovis rimedon fari aliajn ne malpli mirindajn miraklojn. Trapasante ĉambron post ĉambro, vi vidas, kiel oni, kunfandante kalkon, sablon kaj potason, ricevas travideblan vitron, kiel el ĝi oni elblovas botelojn, faras spegulojn, karafojn, glasetojn, kolorajn veneziajn vazojn. El maldelikata argilo oni preparas ĉarmajn pentritajn florvazojn saksan kaj sevran porcelanaĵon, ne pli dikan ol papero. Rigardante la delikatajn foliojn de l'porcelanaj floroj, admirante la subtile glazuritajn vazojn, tasojn, tekruĉojn kaj statuetojn, vi miras pri la potenco de l'kreanta homa spirito. Kaj sen iuj profundaj filozofaĵoj oni povas pruvi la malveron de tiuj, kiuj neas la eblecon de l'perfektiĝado de l'homo, kaj la nepran, kvankan ne baldaŭan, plibonigon de sociaj rilatoj.

Pripensu do ! El sterko, el brutaj elĵetaĵoj oni kreskigas ananasojn, persikojn, betojn, diversajn legamojn. El malnovaj ĉifonoj oni faras paperon, el sablo, kalko, potaso kaj plumbo oni preparas travideblan kvarcvitron, el argilo — porcelanon, — sed el la homoj, kiaj ajn ili estus nuntempe, oni dubas povi ellabori perfektigitan homaron ! se ĝis nun ni vidas malmulte da sukceso en la sfero de l'preparado de l'homo perfektigita, la kialo kuŝas ne en la maltaŭga materialo, sed en la netaŭgaj, malfacilaj kondiĉoj de tiu laboro. Plibonigu maŝinojn, fabrikadon iun ajn, oni vin ne malhelpos ! Eble, neniu helpos vin, sed neniu ankaŭ prenos al si la taskon detrui vian laboraĵon. Estos alie, se vi turnos viajn penadojn al la homa brutaro, al la sklavaro, por eduki homojn de forta volo kaj intelekto, liberajn, plenajn je homindeco ! Tiam vi havos malamikojn kaj kontraŭulojn je ĉiu via paŝo ! Oni kontraŭstaros al via predikado, oni malpermesos projektatajn de vi sociajn klerigajn instituciojn. Spite viaj deziroj kaj penadoj, oni intence malmoraligos, estingos la spiriton de l'popolo, ne permesante elirigi la popolamason el mallumo de l'mento kaj de l'konscienco. Ĉe tiaj kondiĉoj, sendube, ne baldaŭ oni povas fari puran homecan porcelanon kaj vitron el homeca argilo kaj sablo ! Ankaŭ ĉe la ellaborado de vitro, porcelano kaj papero la sukceso ankaŭ ne tuj venis, estis bezonata intensa penado, persisteco, granda volo kun klare starigita celo.

En la ekspozicio, krom la montrata procedo de produktado, estas prezentataj al la vizitantoj portretoj kaj biografioj de l'ĉefaj laboristoj de tiu aŭ alia sfero. Interalie ni vidas vicon da emajlitaj murpentraĵoj el la vivo de l'franco Bernardo Palissy, kiu malkovris la sekreton de fajra brulpretigado de kolorigitaj potaĵoj.

Membro de malriĉa kaj multenombra familio en malproksima vilaĝo, Palissy sole danke al siaj propraj penadoj propriĝis al si multajn konojn el arto, matematiko, agronomio, geologio. Li konis nek librojn, nek lernejojn. Li mem diris : « miaj libroj estas ĉielo kaj tero. Ili solaj estas senpagaj, alireblaj, kaj mi tute ne vidas malhelpaĵojn, por el ili studi la mondon ».

Tiam, ankaŭ kvincent jaroj, oni multe amis kolorigatajn vitraĵojn en preĝejoj kaj eĉ en domoj. Palissy ellernis la arton de kolorigado kaj laborenspezis, kiel vaganta kolorigisto, kun sia sako surdorse, vizitante Francujon, Hispanujon, Germanujon kaj Italujon. Palissy aŭdis la vivon, la homojn, metiojn, morojn, kutimojn. Fine li revenis hejmen, kaj venis al li la ideo tiel same kolorigi potaĵon. Li komencis fari provojn. Lia enspezo estis malgrandega, la familio granda, simpatio de ies parto forestis. Palissy propramane preparis brikojn, konstruis brulfornon por siaj provoj. Kiam la forno estis preta, kaj la fajro flamis, li subite ekvidis, ke mankas al li ligno. Aĉeti li ne havis monon, pruntepreni estis same neeble. Tiam Palissy dishakas kaj ĵetas en la fornon sian ĝardenan ĉirkaŭbaron, peronon, fine sian mizeran meblaron. Lia edzino kaj la najbaroj decidis, ke li freneziĝis, kaj ne kuraĝis sin enmiksi. Palissy tralaboris ĉe la forno dum ses tagoj kaj ĵetis en la flamon eĉ sian lastan seĝon. Kompense, — la celo estis atingita, la rimedo de fajra brulpretigado de potaĵo — eltrovita.

Palissy mortis ĉirkaŭ 80-jara. Li estis kondamnita al brulmorto sur lignaro pro kontraŭkatolika herezo.

La reĝo, kiu lin persone konis, venis mem al li en la malliberejan ĉelon, kaj postulis, ke la nobla maljunulo abdiku sian kredon. Alie, kvankam mi vin tre kompatas, mi « estos devigata vin kondamni al brulmorto ! » li diris.

— Ŝajnas al mi, via Reĝa Moŝto, ke mi devas pli multe vin kompati, — respondis la maljunulo. — Pro mia kredo je Dio vi volas brulmortigi min, maljunulon, kaj vi certigas, ke vi estas *devigataj*, — devigataj min ekzekutigi pro mia forta volo. Estu tiel ! mi scios morti !

Sed la ekzekuto ne okazis. La maljuna, malsana korpo ne eltenis la malliberejon. Palissy mortis antaŭ la tago de ekzekutigo. Lia korpo estis ĵetita al hundoj.

G. PETROV,
trad. M. Ŝidlovskaja (Moskvo).

*(daŭrigota)*

### IDEOJ & FAKTOJ

**La morto de granda filantropo : Henri Dunant kaj la Ruĝa Kruco**

Antaŭ ne longe mortis en malgranda svisa vilaĝo la iniciatinto, la instiginto de granda filantropia entrepreno, nome *Henri Dunant*, dank'al kiu estis realigita la ideo pri la Ruĝa Kruco.

Li estis de longe malsana. Plurajn fojojn, disvastiĝis famo pri lia morto kaj li havis la privilegion kelkafoje legi longajn nekrologiajn artikolojn pri si mem. Efektive, lia famo, kiel lia verko, estis internacia. Dunant havis filantropian animon. Oni diras, ke li siatempe estis tre kortuŝita de la verkaro de ĵus mortinta Florence Nigthingale, kiu sin donis al la flegado de la vunditoj dum la Krimea milito. Ankaŭ S-ino Fry, kiu sin okupis pri plibonigo de la vivo de la malliberuloj kaj S-ino Beecher-Stove, la verkintino de la *Domo de Onklo Tom*, influis al li. La 24 junio 1911, li ĉeestis la batalon en Solferino kaj la impresojn ricevitajn dum tiu sanga tago li skribis en broŝuro sub la titolo : « *Rememoro el Solferino* ». Tiu verko havis tutmondan famon. En ĝi Dunant rakontis kion li vidis : vunditojn forlasitajn, sen helpo, sur la batalkampo aŭ amasigitajn en farmodomoj aŭ preĝejoj en neimagebla malordo, iliajn plendojn kaj senesperajn alvokojn, la nesufiĉon de la ambulancoj, la korŝirajn scenojn, kiujn li ĉeestis senpova... Sed li ne kontentigis sin per literatura rakonto. En la sama broŝure li elmetis la ideon pri la organizo de konstantaj societoj al la vunditaj soldatoj. Fakte, al li unua estas ŝuldata la ideo pri la Ruĝa Kruco, kiu estis fondita en 1863.

Dunant estis la sekretario de la internacia komitato de tiu institucio kaj dum pluraj jaroj li fervore sin okupis pri la disvastigo de siaj ideoj, kiuj malgraŭ rezistoj gajnis iom-post-iom. En 1863 internacia prepara konferenco okazis en Ĝenevo kaj, la sekvantan jaron, laŭ la invito de la Svisa Federala Konsilantaro, kunvenis la fama konferenco diplomata, el kiu sekvis la Ĝeneva Konvencio, al kiu aliĝis la plej multaj regnoj.

Laŭ tiu konvencio, la militaj ambulancoj kaj hospitaloj estas neŭtraligataj kaj sekve respektataj de la militantoj. Same pri la oficistaro de tiuj ambulancoj. La enlandanoj, kiuj helpos al la vunditoj, estos respektataj kaj restos liberaj. La vunditaj aŭ malsanaj militistoj estos akceptataj kaj flegataj, je kiu ajn nacio ili apartenas. La flago de la ambulancoj estos la kruco ruĝa sur blanka fundo (t.e. la koloroj de Svisujo renversitaj).

Dum la militoj de 1866 kaj precipe 1870, la Ruĝa Kruco bonfaradis. De tiam ĝia flago flirtis super ĉiuj batalkampoj ; ĝi protektis kaj malpliigis sennombrajn dolorojn kaj mizerojn. Akceptita ĉie, ĝi estas la emblemo de multegaj societoj, kiuj ne nur sin okupas pri helpado sur la batalkampoj, sed ankaŭ ĉiutempe helpas al la malsanuloj kaj vunditoj. Ekzemple, en la lasta tertremo de Kalabrio, la Ruĝa Kruco multege utilis.

En 1867 Dunant perdis sian tutan riĉaĵon en entrepreno, al kiu li konfidis, kaj de tiam izoliĝis en la vilaĝeto, kie li mortis. En 1901 li ricevis samtempe kun S-ro Passy la unuan Novel-premion por la paco. La nomo Henri Dunant, kaj per li, la nomo Ĝenevo, restos kunigataj en grandioza entrepreno de tuthoma frateco.

G. L.

## Pri Turkujo

En lasta artikolo, ni sciigis ke nun estas en Turkujo du demandoj senproskraste solvindaj por ke la lando faru rapidegajn progresojn sur la vojo de la okcidenta civilizacio: unue la interkonsento pri la pruntepreno kiu ne estas ankoraŭ konsensita de francaj Bankoj ĉar la otomana registaro ne akceptis la kondiĉojn de franca registaro kiu deziras partopreni en la kontrolado de financaj otomanaj; due, la starigo de bonaj kaj amikaj interrilatoj kun Grekujo, kiu dependas de la solvo donota al demando pri regeco en Kretujo, Tuj kiam la greka registaro forlasos ĉiujn rajtojn pri la insulo, la du regnoj estas por ĉiam unuigitaj kaj ĉiuj malpacoj, precipe la bojkoto estas forigataj.

Tamen, malgraŭ tiuj embarasoj la registaro konstante laboras por la regenerigo de la lando kaj zorgas precipe pri la serioza organizado de instruado. Inspektoroj estas elektitaj por inspekti ĉiujn lernejojn mahometanajn kaj la nemahometanajn. Tiuj lastaj neniam estis vizitataj de l'ŝtatoficistoj dum la malnova reĝimo. Instruistoj pri franca lingvo estas nomitaj en ĉiuj duagradaj lernejoj kaj oni zorgas por venigi aliajn el Francujo, precipe profesorojn pri fiziko, matematikoj, historio, ktp., metiaj lernejoj estas fondataj, stacioj de senfadenaj telegrafoj starigataj, fervojoj, ŝoseoj, vojoj por veturiloj, ŝipoj por komercaj transportoj konstruataj kaj la ordo ĉie restarigata.

La gazetaro disvolviĝas, krom la jurnaloj politikaj apartenantaj al la junturka partio, partio la plej grava en la lando, dank'al kiu la konstitucio povis triumfi en Turkujo, jam aperas ankaŭ demokrataj jurnaloj por demokratia partio antaŭ nelonge fondita, socialistaj gazetoj: Humaneco kaj Socio, okultistaj revuoj ĉiusemajnaj pri spiritismo, hipnotismo kaj magnetismo, sciencoj kies disvastiĝo estis malpermesata dum la absolutisma reĝimo, La plej granda parto estas redaktataj en turka kaj franca lingvoj, poste venas la grekaj, arabaj, armenaj jud-hispanaj kaj hebreaj.

La movado esperantista nun komencas serioze disvastiĝi inter la Turkoj dank'al Librejo Hachette kiu jus eldonis en Konstantinopolo Fundamenton en franca kaj turka lingvoj.

Ni esperas ke la armena kaj jud-hispana lernolibroj aperos baldaŭ kaj tiel ĉiuj urboj otomanaj enhavos bonajn esperantistojn kaj esperantianojn.

Jacques Guénon. (Aïdin)

## El Bosnio-Hercegovino

Antaŭ ol la unua landa deputataro havis siajn kunsidojn, vizitis Lia imperiestra Moŝto Franz Josef I. Bosnion kaj Hercegovinon. Tio estis la unua vizito post tridekdua regado je tiuj provincoj. Li estas solene akceptita. Ŝtataj kaj civilaj korporacioj partoprenis. De Bosanski-Brod ĝis Sarajevo ĉie multnombre ĉeestis urbanoj kaj vilaĝanoj kondukitaj de siaj eminentuloj. En Sarajevo estas li plej solene akceptita. Tie li restis tri tagojn. Kvaran tagon li vizitis urbon Mostar, ĉefurbo de Hercegovino. La tuta Mostar estis ornamita per tapiŝoj, floroj kaj standardoj. El Mostar li deiris per kortega vagonaro travivinte kvar tagojn inter siaj Bosnianoj kaj Hercegovinanoj. Post tio li amnestis multajn arestitojn kaj al multaj societoj kaj malriĉuloj donacis kelkajn milojn da kronoj.

Post tio la landa deputataro komencis siajn kunsidojn kiuj daŭris unu monaton kaj duono. Multaj gravaj demandoj estas pridiskutitaj kaj multaj decidoj faritaj. La deputatoj ne restis dividitaj per kultoj sed per principoj: progresemaj elementoj faris unu partion kaj la konservativaj duan.

Dum deputatara libertempo naskiĝis demonstracioj en multaj vilaĝoj, kie ĝemas la vilaĝanoj sub la feŭda sistemo. Miloj kaj dekmiloj, tutaj distriktoj en norda Bosnio demanstraciis kune. Nature intervenis oficistaro kaj ĝendarmoj. Sed vane! La vilaĝanoj volas esti liberaj kaj ne volas donadi la trionon al terposedantoj. Multaj eminentaj vilaĝestroj kaj vilaĝanoj estas arestitaj.

En komenco de novembro la deputataro havos siajn kunsidojn. Multe da laboro! La registaro proponos bonvolan aĉetadon de tero kaj iuj partioj en deputataro postulas deviga aĉetadon t. e. ĉiuj terposedantoj devas vendi kaj ĉiuj, « kmetoj » vilaĝanoj, devas aĉeti la teron. Sed kie estas la mono? Kiu ĝin pruntos? Estas bezone, laŭ mia opinio, 200 milionoj Sm. Kiel finiĝos tiu ĉi vivdemando en nia lando oni ne povas antaŭdiri. Iuj opinias ke la deputataro kun la registaro farigos projekton, ke oni prenos nek devigan nek bonvolan sistemon de aĉetado sed oni decidos ke la tuta tero estu aĉetita ĝis difinita tempolimo. Certe tio daŭros minimume kvin jarojn se ne pli. La registaro, instigita de la deputataro, laboras sur ĉiuj kampoj: malfermas lernejojn, farigas vojojn k. t. p.

Esperanto ankaŭ komencas disvastiĝi. De post la unua esp. societo estas fondita en Sarajevo estas organizita Esp. Oficejo (S-ro Schwarz). La societo malfermis du kursojn (unu por lernantoj) en ŝtata supera gimnazio. En provinco oni sentas pli viglan interesiĝon. En kelkaj urboj baldaŭ fondiĝas esp. societoj.

Ŝia kara prezidanto S-ro Mudie vizitis en aŭgusto Bosnion-Hercegovinon, veturante tra Sarajevo en kaleŝo kun granda esp. standardo. Tio estas rimarkita en kelkaj enlandaj gazetoj. Li daŭrigis sian vojon al Montenegro.

Uroŝ Avdalovic (Del. Zavala).

## Internacia protektado de birdoj

La aŭtuno venis en niaj regionoj. La tagoj plimallongiĝas kaj nebulo estas super la kamparo. En la aero ŝvebas longaj maldikaj fadenoj kiujn oni nomigas karakterize « Aŭtunofadenoj ». Ili estas la laboro de l'araneoj. En la kamparo estas tre okupa. Oni rikoltas la terpomojn, bulbojn kaj sukerbetojn, kaj sur la vojoj estas multaj veturiloj kiuj alportas la produktojn je la haveno. La plugisto jam preparas la teron por la sekvanta jaro. Super lia plugilo ŝvebas la kriantaj blankaj mevoj kaj vidas ĉu ili ankaŭ povas trovi vermeton.

Alaŭdo ankoraŭ kantas, alte en la aero, sed ĝia kanto ne estas plu tiel plaŭdanta kiel en la printempo. Multaj birdoj forlasis nin por vojaĝi je la bela Sudo La kukolo donis la ekzemplon. Ĝi jam frue foriris kaj la lastajn hirundojn ni vidis. Kiel gajaj ni estis kiam ili revenis al ni dum la printempo. Nun, la familio de l'hirundoj estas pli-multa. Ĝi eble kvinobliĝis, tamen estas stranga, kvankam oni tre ŝirmas la hirundojn kaj kvankam la hirundoj ĉiujare havas multe da idoj, dum la printempo nur revenas ĉiujare ĉirkaŭ la sama nombro. Estas vera, la vojaĝo estas longa kaj multaj birdoj falas, lacaj, en la maron. Tamen la plej granda kaŭzo kial la nombro de tiuj utilegaj birdoj ne pligrandiĝas. estas ĉar *la homoj* kaptas ilin dum la travojaĝo. En nia lando jare multaj hirundoj kovas kaj neniu faros malbonon al ili. Ne bubo, tiel kruela, tiel bruta li estas, provos malkonstrui la neston de hirundo. Tiu ĉi birdeto ŝajnas esti sankta al la Holandaj vilaĝanoj kiel la bovo kiu havis la markojn de « Apis » estis sankta al la antikvaj Egiptoj. Tamen kio helpas tia protektado, kiam oni poste en aliaj landoj mortigas la birdojn. Tial, la protektado de birdoj devas esti internacia. Ni scias ke multaj birdoj estas tre utilaj por la homoj, ni ĝuas ilian kantadon kaj iliajn belajn kolorojn. La birdoj devas esti niaj amikoj aŭ pli bone, ni devas iĝi la amikoj de la birdoj. Kio estas arbaro sen birdoj? Tial, sinjorinoj, ne portu plu kadavretojn de birdoj sur via ĉapelo. Vere, ili ne plibeligos vin. Esperantistinoj, donu vi la ekzemplon! Tial, sinjoroj, ne plu manĝu la malgrandajn birdetojn; pli bone vi povas preferi fruktojn; kie ne estas birdoj, tie estas malmulte da fruktoj, ĉar la birdoj helpas nin, kie la insektoj detruas la fruktorikolton. Esperantistoj, donu ni la ekzemplon, laboru ni por protektado internacia de birdoj. Ili ja meritas tian ŝirmadon.

C. Chr. Droogendyk, (Del Stavenisse).

## La internacia agrikultura instituto en Romo

Tiu instituto, fondita de diversaj regnoj, celas disdonadi al ĉiuj interesatoj, farmistoj kaj konsumantoj, la plej grandan nombron de fidindaj informoj pri la stato kaj la kreskado de la atendota rikolto. La informoj estas fidindaj ĉar ili fariĝas kun helpo de sciigoj donitaj de la diversaj regnestraroj kiuj ne havas profiton fari la ciferojn pli bone aŭ pli malbone ol ili estas efektive Per tiaj ciferoj estas iel eb'la konkludi pri la atendota prezo, almenaŭ kiam oni konas la kulturatan surfacon, la produktaĵon po H. A. en la diversaj partoj de l'tero kaj la mezonombron bezonatan de l'tuta mondo. Kiam nun la pligrandiĝo de l'prezoj estas kredebla oni povas gardi sin kontraŭ spekulaciistoj. La internacia agrikultura instituto nun sin okupis pri tiu afero. Estas ja fakto, ke la informoj pri rikolto el aliaj landoj venas tro malfrue sub la okuloj de terkulturistoj, por profiti al ili, kaj ankaŭ, ĉar la rikoltraportoj ne ĉiam estas esprimitaj per ciferoj, sed per vortoj, kiel; bona, tre bona, boneta, malbona ktp. La suprenomita instituto volas informi de nun je difinitaj epokoj pri la mezonombro de l'grando de la tuta rikolto de difinita kreskaĵo por la tuta tero. Kun ĝia nuna regularo la instituto estas observejo por la tuta mondo. Tamen daŭrados certe kelka tempo antaŭ ol la instituto povos doni la unuecan ciferon por la tuta tero. Tiel longe kiam estas regnoj kiuj ne havas oficejojn por terkulturaj statistikoj, la laboro de la instituto ne ankoraŭ havos gravan influon pri la mondprezo. Kiam tamen la regnoj aliĝintaj al la instituto volos kunlaboradi, ankaŭ per klopodo de rapideco, kaj kiam aliĝos ĉiuj civilizitaj regnoj, tiam oni ricevos fidindan unuecan ciferon por la tuta mondo, kio estos bona por la produktantoj kaj por la konsumantoj. La unuaj ne ricevas tro malmulte, kio estus ja tre feliĉa, ĉar la troaĵo ordinare venas en la monujon de tiu, kiu malpli multe faris por la produkto, aŭ en tiun de personoj kiuj ne sin pagigas por sia klopodo, sed ofte nur estas spekulaciistoj. Tion, kion tiuj personoj ricevas pli ol ili efektive meritas por ilia « laboro », aliaj devas doni. Tial internacia agrikultura instituto en Romo havas kaj certe havos tre utilan rolon.

C. Chr. Droogendyk, (Del. Stavenisse.)

## La organizo de la mondo laŭ Prof. Ostwald

En parolado farita en Basel S-ro Profesoro Ostwald, el Leipzig, elmetis pri la « Organizo de la mondo » kelkajn ideojn, kiujn ni volas konigi al niaj legantoj. De la komenco li komprenigas nin, ke la afero ne estas pri organizo de la mondo jam plenumita, sed pri organizo plenumota el komencoj jam efektivigitaj. Kaj la mondo estas tie ĉi la homa societo, ĉar la faktoj elprenitaj el la materia mondo servas en tiu ĉi parolado nur kiel ekzemploj por la klarigo de procedoj pure moralaj.

Ĉiu organizo estas funkciigo de energioj. Se tiuj ĉi energioj funkcias tiamaniere, ke ili atingas la celon, la organismo estas bona. Tiam la energioj aliformiĝas tiel, ke ili sin anstataŭas proporcie, t. e. ke la energio perdita unuparte retroviĝas aliparte je egala parto kaj kvanto. Sed efektive ni ne povas aliformigi unu energion en alian sen pli malpli granda perdo, same kiel ni ne povas ŝanĝi sumon da markoj en frankojn ne pagante aĝion, aŭ funkciigi vapormaŝinon ne oferante grandan kvanton da forto al la froto de la piŝtoj kaj radaro.

Nu, la progreso en ĉiuj aferoj ja konsistas el tio, ke ni sukcesu malpligi tiun aĝion, tiun perdon de energio, ke la funkciado de la organismo fariĝu ĉiam kaj ĉie perfekta. Ĉi tio estas precipe necesa en la spirita mondo. La homo devas akiri sian spiritan bonfarton per kiel plej eble malgranda perdo de spirita energio. De tio dependas la progreso de la civilizacio.

Vidu la primitivan staton de la homa socio. Unue la familioj vivas izolitaj, poste ili ariĝas por labori kune. Kial ili volas labori kune? Pro tio, ke per la kunligo de iliaj fortoj ĉiu apartulo plifaciligas sian laboron. La familio do fariĝas gento; la gento kuniĝante kun aliaj gentoj fariĝas nacio; du nacioj interkonsentas por starigi inter si limon, kiu, ĉar ĝi limigas iliajn rajtojn, ĉesigas la disputojn. La nacio fariĝas organizita ŝtato. Tia estas la disvolvo de la civilizacio. En tiu ĉi stato ni estas nun; sed ĉu ni restos en ĝi pli longe?

« Ni estas », diras la parolanto laŭvorte, «alveninta] al la epoko tre grava, en kiu la ŝtataj organizaĵoj atingis la limon de sia utileco kaj devige sin devas transformi en internacian, tutmondan organizaĵon ». Ni do eniras nun la periodon de l'internaciismo.

Ne estas plu eble por iu ajn ŝtato malvolviĝi inter la propraj landlimoj en jarcento kiu eltrovis la aviadarton. Kie estas la limoj, kiuj povus haltigi la balonojn aŭ aeroplanojn de la estonto?

Al tiu ĉi internaciismo estis preparoj en diversaj fakoj. La scienco de longe ne plu konas naciajn limojn. La poŝta Unuiĝo estas institucio, kiu ampleksas la tutan globon kaj havos kiel necesan sekvon la enkondukon de la tutmonda poŝtmarko kaj pli poste de la mondmono. Estas jam internaciigitaj la geometriaj unuoj, la pezoj kaj mezuroj. La Angloj kaj Amerikanoj, tiel konservativaj rilate al la mezuroj, jam estas devigitaj akcepti la elektrajn unuojn. Ili estas « diras P-ro Ost wald « infektitaj per metro kaj gramo ». Tiamaniere oni daŭrigos internaciigi ĉion, kio havas komunan intereson por la homaro. Tio estas la dezirinda organizo de la mondo, la vera tutmonda progresado, per kiu la perdo de energio estos reduktita al minimumo kaj la homa feliĉo alkondukita al maksimumo.

Specialigante sian temon, P-ro Ostwald nun traktas pri la internaciigo de la lingvo. La ellerno de du aŭ tri fremdaj lingvoj por povi interrilati komerce aŭ socie kun alilandanoj, ŝajnas al li grava malhelpo, unu el tiaj ellasoj de forto, kiuj malfortigas la socian korpon. Por forigi tiun malhelpon li rekomendas enkondukon de internacia helpa lingvo. « Tiu ĉi enkonduko », li diras, « estas urĝa bezono, kiu sendube pli malpli frue estos kontentigita, restas nur la demando kiam kaj kiamaniere. »

Plej efike ĝi fariĝus per la kreo de internacia komisiono. Parolante al svisa aŭdantaro, li petas ĝin postuli tiun instituton de ĝia registaro, Estus inda entrepreno por malgranda libera nacio. Per tiu ĉi alvoko la profesoro finas sian paroladon.

A. Caumont. (Lausanne)

## La internacia protektado de la laboristoj

Tiu Asocio fondita en 1900 en Parizo havas speciale kiel celon: 1e Kunligi la personojn kiuj, en diversaj industriaj landoj, konsideras protektan leĝaron de la laboristoj necesa; 2e Organizi Internacian Labor-Oficejon, kiu publikigos bultenon pri la laborista leĝaro en la diversaj landoj; 3e faciligi la studadon de la labora leĝaro per liverado de ĉiuspecaj informoj, ktp. La Labor-Oficejo fondita sidas en Basel (Svisujo). Ĝi vivas parte per la kotizaĵoj de la membroj (ĉirkaŭ 4.000), parte per la monhelpoj de la regnoj.

En septembro tiu Asocio havis sian sesan kunvenon en Lugano (Svisujo). Dudeko da regnoj estis reprezentataj; eĉ kelkaj ŝtatministroj mem ĉeestis. La ambicio de la Asocio estas submeti al la diverslandaj registaroj nur eblajn kaj mature pripensitajn solvojn. Ĝi volas proponi al ili reformojn, kiujn la specialistoj opiniis eblaj, kaj kiuj estas tuj realigeblaj. Tiu tasko estas delikata. Iri tro rapide estus perdi la konfidon de la registaroj; iri tro malrapide rezultus en tion, ke la ŝtatoj baldaŭ superus la Asocion, kiu tiam ne plu havus kaŭzon ekzisti.

La decidoj de la kunveno jus aperis kaj ni kompreneble povas nur tre resumi ilin. Unu el la grandaj sukcesoj de la Asocio estis kunvoko de internacia konferenco dum 1906, kiu decidis la malpermeson de la nokta laboro *de la virinoj* en la industrio kaj la uzon de la blanka fosforo en la alumet-fabrikado. Multaj landoj aliĝis al tiu konvencio; tamen oni ankoraŭ atendas Hispanujon kaj Danujon. La Asocio dezirus iom pli da unuformeco en la dokumentoj pri la *aplikado de la laboristaj leĝoj*. Ĉie, oni volus koni la nombron kaj naturon de la entreprenoj efektive inspektataj, de la noktaj inspektoj, ktp. Kaj ĉu ne estus utile aldoni laboristojn al la inspektantoj kaj starigi regulajn rilatojn inter la inspektantoj kaj la laboristoj?

Por la *laboro de la infanoj*, nova komisiono studos la aplikon de la protektaj leĝoj kaj kunigos la faritajn studojn. Granda paŝo antaŭen estos efektivigata por la *nokta laboro de la junuloj* Oni petos de la svisa registaro, ke ĝi kunvoku novan internacian konferencon pri tiu temo. La demando pri la nokta laboro de la junuloj en la hoteloj, trinkejoj, magazenoj, estos tamen rezervata al la nacia leĝaro.

Ĉu estus nun la tempo fari internacian konvencion por starigi la *maksimuman labortagon de dek horoj* por la virinoj kaj junuloj, okupataj en la entreprenoj, kiuj kalkulas pli ol dek laboristoj? La Asocio esperas, ke tio estas nun ebla,

La tiel interesa problemo de la *laboristaj libertempoj* estos rediskutata, kiam oni pli bone konos la ekzistantajn leĝojn pri tio kaj la nombro de la entreprenoj, kiuj konsentas tiajn libertempojn al siaj dungatoj.

En la malfacila studo pri la *hejma laboro* oni nur malrapide antaŭeniras. Ankoraŭ tie la kuracilo estas la sindikatismo, la leĝa rekono de la kolektiva kontrakto, la forigo de la ekspluataj salajroj, la publikigado de salajroj, la plivastigo de la inspektado, de la socia asekuro kaj de la higieno. Kiom da reformoj ankoraŭ realigotaj kaj kiel malproksime ni ankoraŭ estas al ilia realigo, eĉ en la landoj plej progresintaj pri la sociala leĝaro... Ni citu ankoraŭ, inter la ekzamenitaj demandoj, la liston tiel gravan de la *industriaj venenoj*, la internacian reguladon de la servo de l'subakviĝistoj, la antaŭgardon de la akcidentoj per la aŭtomata kunigo de la vagonoj kaj la vastigon de la asekuro al la fremdaj laboristoj, precipe en Ameriko.

Tiu tro rapida ekrigardo konvinkos la legantojn pri la seriozeco kaj utileco de la laboro plenumata de la dirita Asocio.

V. L.

# Homara Dataro

*16 Novembro.* — 534, Promulgo de la Jastiniana leĝaro. — 1632, Gustavo Adolfo Sveda reĝo estas mortigita en la batalo de Lutzen. — 1870, Hispana Deputataro proklamas reĝo, dukon Amedeon de Savojo,

17. — 1497, Mortas Roberto Owen. — 1869, Inaŭguro de la Kanalo de Suez.

18. — 1302, Pako Bonifacio VIII publikigas la brevon *Unuan sanctan* por renovigi la universalan superregon de la Roma eklezio. — 1494, Mortas en Firenzo Piko el Mirandolo, — 1497, Vasko de Gama alveturas al la promontoro de Bona Espero.

19. — 1553, Naskiĝas en Marostiko, botanikisto Prospero Alpini.

21. — 1566, Mortas itala literaturisto Hanibalo Caro (Karo) tradukinto de la Eneido. — 1694, Naskiĝas la mondfama filozofo, dramaŭtoro kaj historiisto de Voltaire. — 1789, Naskiĝas en Torino, historiisto kaj politikisto Cezaro Balbo. — 1806. Napoleono starigas la kontinentan blokon kontraŭ la Angla komerco.

22. — 1511, Estas inside mortigita Francisko Pizzaro, konkerinto de Peruvio. — 1803, Naskiĝas en Bassano, matematikisto Justo Bellavitis kiu pritraktis la demandon de Internacia Lingvo ĉe la Venecia Akademio.

23. — 800, Komenco de la tera regado de la papoj. — 1611, Naskiĝas en Lisbono historiisto Francisko Melo. — 1742, Mortas William Bradford kiu publikigis en Nov-Yorko la unuan usonan gazeton.

24. — 1570, Mortas historiisto G. de Barros.

25. — 1560, Mortas Andreo Doria liberiginto de Genovo.

26. — 1500, Petro Hele elpensas la horloĝon. — 1812, La granda armeo komencas la transiron de Berezina.

27. — 1609, Jakobo Metins elpensas la teleskopon. — 1895, Mortas en Parizo Aleksandro Dumas filo.

29. — 1591, Mortas Diego Berman, portugala klasika poeto. — 1813, Mortas Bodoni fama presisto en Parmo. — 1830, Ribelado en Pollujo.

30. — 1662, Filozofo Tomaso Campanella estas kondamnita al karcero de la Roma Saukta Oficejo. — 1599, Astronomisto Johano Fabricio la unuan fojon vidas la sunmakulojn, — 1870, Mortas ĥemiisto kaj geologo Karlo Gustavo Bischof, naskita en Wœrd (Nuremberga) en 1792.

A. Tellini.

# La Faktoj

*17 Oktobro.* — Transoceana ŝipo « Frent » savas Wellmann kaj la aliajn pilotojn de la direktebla aerŝipo « Ameriko » en la mezo de l'oceano.

18. Saint-Louis. — Germana aerŝipo « Hambourg » kiu partoprenis en la konkuro « Gordon-Bennet » falas en lagon Nipissing. La aerveturantoj kun peno sin savas,

Parizo. — La komitato de la striko deklaras la finon de tiu de la francaj fervojistoj.

19. Anglujo. — Alveturo de eks-reĝo Manoel de Portugalujo kun reĝino-patrino Amelio.

21. Milano. — Inaŭguro de la XIa itala kongreso de la socialistoj,

Lisbono. — Papa nuncio, monsinjoro Ponti forlasas Portugalujon.

22. Londono. — Mortas princo Francisko el Teck, frato de la reĝino.

23. Bangkok. — Mortas la reĝo de Siamo.

Parizo. — Malfermo de la Parlamento.

Bruselo. — La germanaj geimperiestroj alveturas Bruselon.

Ateno. — Oni publikigas dekreton kiu disigas la nacian deputataron.

26. Venecio. — Inaŭguro de rememoriga ŝtono al Rikardo Wagner en palaco Vendramin.

Londono. — Direktebla aerŝipo *Lebaudy*, flugas el Francujo al Londono.

Issy-les-Moulineaux. — Aviadisto Blanchard mortas dum la aerveturado de Bourges al Issy.

27. Romo. — Leŭtenanto Saglietti falas kun areoplano en la aviadejo de Centocelle kaj mortas.

Bologno. — Inaŭguro de la VI Kongreso de italaj blinduloj. La tagordo de Lorenzini por la enkonduko de Esperanto estas aklame voĉdonita.

28. Etampes. — L'aviadisto Tabuteau venkas la mondan **rekordon** de distanco kaj daŭro.

Londono. — La ministro de l'milito aĉetas direkteblan aeaŝipon « Clément-Bayard ».

29. Parizo. — Maltrankvila kunsido de la deputataro pro la lasta fervoja striko.

Bruselo. — La direktebla aerŝipo « Ville de Bruxelles » venkas la kuron Bruselo-Antverpeno kaj reveno,

Lima. — Salvador Gavero starigas la novan peruan ministraron,

30. Verono. — En la domo de Julieto kaj Romeo oni inaŭguras buston al Shakespeare.

Parizo. — Ministro Briand ricevas l'unuan aprobon en la diskutado pri la fervoja striko.

A. Tellini.

FELIETONO DE « ESPERANTO »

2

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

## Unua Libro

La 22 an de majo.

Ke la homa vivo nur estas sonĝo, jam ŝajnis al multaj, kaj ankaŭ mi ĉiam kunportos kun mi tiun ĉi senton. Kiam mi rigardas la limojn, en kiujn la agemaj kaj esploremaj fortoj de l'homo estas enigitaj, kiam mi vidas, ke ĉiu agado nur celas la kontentigon de bezonoj, sole por plilongigi nian malfeliĉan ekzistadon, kaj plue, ke ĉiuj trankviligoj pri certaj punktoj de meditado nur estas sonĝanta rezignacio, ĉar oni pentras multkolorajn formojn kaj lumajn elrigardojn sur la murojn,, inter kiuj oni estas kaptita — ĉio tio, Vilhelmo, faras min muta. Mi reiras en min mem kaj trovas mondon! Plie en sento kaj malhela avido ol en realeco kaj viva forto. Jen ĉio naĝas antaŭ miaj sentoj kaj mi ridetas sonĝante en la mondon.

Ke la infanoj ne scias, kial ili volas, pri tio konsentas ĉiuj instruitegaj majstroj en lernejo kaj kortego; sed ke ankaŭ plenkreskuloj same kiel infanoj vagas sur la tero, ne sciante, de kie ili venas kaj kien ili iras, same malmulte agas laŭ veraj celoj, same estas regataj de biskvito kaj bakaĵo betulbranĉoj, tiam neniu volas volonte kredi kaj al mi ŝajnas, ke oni povas kapti ĝin per la mano.

Volonte mi konfesas al vi, ĉar mi ja scias, kion vi respondos, ke tiuj estas la plej feliĉaj, kiuj vivas senzorge kiel infanoj, ĉirkaŭportas, vestigas kaj senvestigas siajn pupojn, kaj ŝteliras kun granda respekto la tirkeston, en kiu patrinjo ŝlosis la sukerpanon, kaj, kiam ili fine ricevas la deziraton, konsumas ĝin kun vangoj plenaj kaj krias: Pli multe! — Tiuj estas feliĉaj kreitaĵoj! Ankaŭ tiuj fartas bone, kiuj donas belegajn titolojn al siaj okupaĉoj aŭ eĉ al siaj pasioj, kaj juĝas ilin al la homaro gigantaj agoj por la savo kaj la bonfarto. — Feliĉon al tiu, kiu povas agi tiel. Sed kiu komprenas je sia modesteco, kio rezultos el tio, kiu vidas, kiel bele ĉiu burĝo, kiu bonfartas, scias ŝanĝi sian ĝardenon en paradizon, kaj ke ankaŭ la malfeliĉulo senlace rampas la vojon, kaj ĉiuj havas la saman intereson vidi la lumon de la suno unu minuton pli longe; — ja, tiu estas kvieta, kaj formas sian mondon el si mem kaj estas feliĉa, tial ke li estas homo kaj kiel ajn li estas limigita, li tamen ĉiam havas en la koro la dolĉan senton de libereco kaj, ke li povas forlasi tiun-ĉi malliberejon, kiam ajn li deziras.

La 26 an de majo.

De longe vi konas mian manieron loĝiĝi ie, starigi mian kabaneton en intima loko kaj restadi tie kun ĉia ekonomio. Ankaŭ ĉi tie mi trovis loketon, kiu allogis min.

Ĉirkaŭe unu horon for de la urbo estas loko, kiu nomiĝas *Wahlheim* (valhejm). La situacio ĉe monteto estas tre interesa, kaj elirante sur la supra vojo el la vilaĝo, oni superrigardas per unu fojo la tutan valon. Bona mastrino, kiu siaaĝe estas servema kaj vigla, verŝas vinon, bieron, kafon; kaj kio superas ĉion, estas du tilioj, kiuj per etenditaj branĉoj kovras la malgrandan lokon antaŭ la preĝejo, kiun ĉirkaŭfermas kamparaj domoj, garbejoj kaj bienetoj. Tiel intima, tiel kaŝita mi ne trovis facile loketon kaj tien mi portigas mian seĝon, trinkas tie mian kafon kaj legas Homeron. La unuan fojon, kiam mi okaze venis sub la tiliojn en bela posttagmezo, mi trovis la loketon dezerta. Ĉiuj estis en la kampo; nur knabo proksimume kvarjara sidis sur la tero kaj tenis per la brakoj alian ĉirkaŭe duonjaran infanon, kiu sidis antaŭ li inter la kruroj, kontraŭ sia brusto, tiamaniere ke li servas al ĝi kiel seĝo, kaj spite la vigleco, per kiu li ĉirkaŭen rigardis per siaj nigraj okuloj, sidadis tute senmove. Tiu-ĉi vidaĵo faris plezuron al mi: mi sidiĝis sur plugilon, kiu staris kontraŭe, kaj desegnis la gefratan pozon kun multa ĝojo. Mi aldonis la proksiman barilon, garbejan pordon kaj kelke da disrompitaj radoj, ĉion, kiel ĝi troviĝis unu post la alia, kaj trovis post horo, ke mi ellaboris bonordan, tre interesan desegnaĵon, ne aldoninte eĉ unu streketon laŭvolan. Tio firmigis mian intencon, ke estonte mi nur sekvos la naturon. Ĝi sola estas senfine riĉa, kaj ĝi sola instruas la artiston. Oni povas diri multon por la reguloj, preskaŭ kion oni povas diri por laŭdi la civilan societon. Homo, kiu agas konforme al ili, neniam produktos sengustaĵon kaj malbonaĵon, kiel iu, kiu lasas sin gardi per leĝoj kaj konveno, neniam fariĝos netolerebla najbaro, neniam rimarkinda malbonulo; kontraŭe ĉia regulo, oni diru, kion oni volas, nepre detruos la veran senton de naturo kaj ĝian veran esprimon! Vi diru, ke tio estas tro severa! Ĝi nur limigas, fortranĉas la malbonajn branĉojn, k. t. p. — Bona amiko, ĉu vi volas, ke mi donu alegorion? Estas same je la amo! Juna koro amas knabinon, pasigas ĉe ŝi ĉiujn horojn de la tago, malŝparas ĉiujn siajn fortojn, ĉiun sian havon por klarigi al ŝi ĉiumomente, ke li tute sin donas al ŝi. Jen venus filistro, kiu estas en publika ofico, kaj dirus al li: Juna noblulo! Ami estas home, nur vi devas ami home. Dividu viajn horojn, unujn por labori, kaj la liberajn horojn dediĉu al via amatino. Kalkulu vian havon, kaj kio superas vian bezonon, de tio mi ne malpermesas fari al ŝi donacon, tamen ne tro ofte, eble je ŝia nomfesto aŭ naskiĝtago, k. t. p. — Se la homo obeas, li fariĝas kapabla juna homo, kaj mi konsilos eĉ al ĉiu princo, ke li voku lin en la kolegion; sed forestas lia amo, kaj, se li estas artisto, lia arto. Ho miaj amikoj! kial la fluo de la genio tiel malofte superfluas, tiel malofte muĝas torente kaj timigas vian mirindan animon? — Karaj amikoj, jen trankvilaj sinjoroj loĝas ambaŭflanke de l'bordo, al kiuj detruiĝus la ĝardendometoj, la bedoj tulipaj kaj la kampaj herboj, kaj kiuj do scias ĝustatempe forigi la minacantan danĝeron per digoj kaj derivado.

La 27-an de majo.

Mi estis, kiel mi vidas, en ekstazo kaj uzis alegoriojn kaj tial forgesis elrakonti al vi, kio okazis plue je la infanoj. Mi sidis du horojn ĉirkaŭe sur mia plugilo, tute ensorbita per pentrista sentado, kiun prezentis al vi tre disigite mia hieraŭa folio. Jen vespere venas juna virino al la infanoj, kiuj intertempe estis senmovaj, kun korbeto ĉe la brako kaj de longe vokas: « Filipo, vi estas tre bona ». Ŝi salutis min, mi dankis ŝin, ekstaris, alproksimiĝis kaj demandis, ĉu ŝi estas la patrino de la infanoj? Ŝi jesis, kaj, doninte al la pli maljuna duonan bulkon, ŝi alprenis la malgrandan, kisis ĝin kun patrina amo. — « Mi donis », ŝi diris, « al mia Filipo la malgrandulon por teni kaj iris kun mia plej maljuna filo en la urbon por aĉeti blankan panon kaj sukeron kaj teran kaĉpateton ». Mi vidis ĉion en la korbo, kies kovrilo estis forfalinta. — « Mi volas kuiri al mia Johaĉjo (tio estis la nomo de la plej juna infano) supeton por vespermanĝo; la bubo, la granda, disrompis hieraŭ la pateton, disputante kun Filipo pri restaĵo de la kaĉo ». Mi demandis pri la plej maljuna. kaj apenaŭ ŝi estis dirinta, ke li vagas en la herbejo kun paro da anseroj, kiam li alkuris kaj kunportis al la dua avelan vergon. Mi plue interparolis kun la virino kaj sciiĝis, ke ŝi estis la filino de l'instruisto, kaj ke ŝia edzo faris vojaĝon en Svisujon por alporti la heredaĵon de la kuzo. — « Ili volis trompi lin pri ĝi », ŝi diris, « kaj ne respondis liajn leterojn; tial li mem vojaĝis al ili. Ke ne estu okazinta al li malfeliĉiga akcidento! Mi sciiĝas nenion pri li ». — Estis malfacile al mi, foriri de tiu ĉi virino, donis al ĉiu infano krejceron, kaj ankaŭ por la plej juna mi donis ĝin al ŝi, por aĉeti bulkon por la supo, irante en la urbon, kaj tiamaniere ni disiris.

Mi diras al vi, mia trezoro, kiam niaj sentoj tute ne volas plu kvietiĝi, tiam ĉiun tumulton kvietigas la aspekto de tia kreitaĵo, kiu travivas, la malvastan estadon kun feliĉa kontenteco, zorgas de unu tago al la alia, vidas defali la foliojn kaj nur pensas, ke vintro komenciĝas.

De tiam mi ofte estas ekstere. La infanoj jam alkutimiĝis tute al mi, ili ricevas sukeron, kiam mi trinkas kafon, kaj dividas kun mi la buterpanon kaj la avidan lakton vespere. Dimanĉe la krejcero neniam mankas al ili; kaj se mi ne ĉeestas post la preĝohoro, la mastrino estas komisiita elpagi ĝin.

Ili estas konfidemaj, rakontas al mi ĉian aferon, kaj precipe mi amuzas min pri iliaj pasioj kaj simplaj ekdeziroj, kiam pli multe da infanoj el la urbo kunvenas.

Kostis multe da penado, forigi de la patrino la zorgon, ke ili ĝenas la sinjoron.

La 30-an de majo.

Kion mi diris al vi antaŭ nelonge pri la pentrarto, certe ankaŭ koncernas la poezion; oni nur devas ekkoni la bonegon kaj elparoli ĝin, kaj tio estas dirita multo per malmulto. Hodiaŭ mi havis scenon, kiu, pure priskribita, estus la plej bela idilio en la mondo; tamen pro kio poezio, sceno kaj idilio? Ĉu do ĉiam oni devas laboreti, kiam oni volas partopreni fenomenon?

Se vi atendas multe da belaĵo kaj noblaĵo laŭ tiu ĉi komenco, ree vi estas tre trompita; simpla juna kamparano forlogis min al tiu ĉi viva intereso. — Mi rakontos malbone kiel ĉiam, kaj vi, mi pensas, trovos ĝin trograndigita kiel ĉiam; ree estas *Wahlheim* kaj ĉiam *Wahlheim*, kiu produktas tiujn ĉi ammaloftaĵojn.

Ekstere sub la tilioj estis societo por trinki kafon. Ĉar ĝi ne plaĉis al mi, mi restis je iu preteksto.

Kampara junulo elvenis el la najbara domo kaj okupis sin, pretigi ion de la plugilo, kiun mi desegnis antaŭ nelonge. Tial ke li plaĉis al mi, mi ekinterparolis kun li, demandis pri liaj rilatoj, ni baldaŭ konis unu la alian kaj estis baldaŭ intimaj, kiel okazas al mi kun tiaj homoj. Li rakontis, ke li servas ĉe vidvino kaj ŝi tre bone zorgas pri li. Li parolis tiel multe pri ŝi, ke tre baldaŭ mi povis rimarki, ke ŝi ne vivis harmonie kun sia edzo, ne plu volis edziniĝi, kaj tra lia rakonto tralumis tiel videble, kiel bela, kiel ĉarma ŝi estas por li, kiom li deziras, ke ŝi elektu lin por estingi la memoron pri la kulpo de ŝia unua edzo, ke mi devas ripeti laŭvorte, por klarigi al vi la puran inklinon, la amon kaj fidelecon de tiu ĉi homo. Eĉ mi devus posedi la talenton de plej granda poeto por povi samtempe prezenti al vi vive la esprimon de liaj gestoj, la harmonion de lia voĉo, la kaŝitan fajron de liaj rigardoj. Ne, neniu parolo montras la delikatecon, kiu estis en lia tuta esto kaj esprimo; ĉio nur estas maldelikata, kion mi povas reprodukti. Precipe kortuŝis min, ke li timis, ke mi pensu malsame pri lia rilato al ŝi kaj dubu pri ŝia bona konduto.

Kiel ĉarme estis, kiam li parolis pri ŝia staturo, pri ŝia korpo, kiu altiris kaj enkatenigis lin perforte sen junecaj ĉarmoj, mi nur povas ripeti en nia plej interna animo. En mia vivo mi ne vidis la urĝantan avidon kaj la brulantan sopiradon en tia pureco, eĉ mi povus diri, en tia pureco ne pensis nek sonĝis. Ne insultu min, kiam mi diras, ke ĉe la memoro pri tiu ĉi ĉasteco kaj vereco mia plej interna animo ardas, kaj ke la bildo de tiu ĉi fideleco, kaj amemeco persekutas min ĉien, kaj ke mi, kvazaŭ mem ekbruligita, avidas kaj sopiras.

Mi nun serĉos vidi ŝin kiel eble plej baldaŭ, aŭ kontraŭe, bone pripensante, mi evitos. Pli bone estas, ke mi vidu per la okuloj de ŝia amanto; eble ŝi ne vidiĝas antaŭ miaj okuloj tiel, kiel ŝi nun staras antaŭ mi, kaj mi difektus la belan bildon?

*(Daŭrigita).*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

### OFICIALA INFORMILO

**Administrado.** — Ĉar la presado de la *Jarlibro* daŭris pli longe ol ni antaŭvidis, ĉi tiu aperos nur en la fino de novembro. La ĝisnunaj aliĝintoj ĝin ricevos kune kun sia membrokarto.

∴ La Del.. kiuj ne plu havas dokumentojn por sia agado, estas petataj peti de ni novan provizon.

∴ La varbiloj por *Esperantiaj Entreprenoj* estas ĝis nun redaktataj *Esperante, France, Germane.*

Angla teksto baldaŭ aperos.

**Esperantia Biblioteko.** — La *franclingva* propaganda broŝuro pri U. E. A. tuj aperos sub la titolo : *L'Esperantisme.* Ĝi enhavas plenajn klarigojn pri la socia signifo de Esperantismo, pri la servoj de nia Asocio, utilajn informojn por la interesataj personoj, klarigojn pri la Esperanta gramatiko kaj vortaro. Ĝi estas necesega verko al ĉiuj niaj propagandistoj.

La angla kaj germana tradukoj estas en presado.

Krom tiuj broŝuroj la Esperantia Librejo eldonos malkarajn propagandajn foliojn en nacia lingvo.

**Gvidfolioj.** — Aperis gvidfolioj de la jenaj urboj : Beaune, Krefeld, Rostock, Moskvo (2a eldono), Hannover (2a eldono). Entute 53.

*Universitataj gvidfolioj* : Grenoble, Nancy. Entute 4.

∴ Ni petas, ke oni skribu kiel eble plej legeble la manuskriptojn de la gvidfolioj speciale la proprajn nomojn por faciligi la laboron de la kompostistoj. Cetere presprovaĵo ĉiam estas sendata de ni al la koncernata Del.

#### Novaj Delegitoj

*Baza* (Hispanujo). — S-ro Emilio Castellano.

*Bogorodskol* (Rusujo). — — S-ro Igorj Aŝeŝov (Sub Del.).

*Budapest* (Hungarujo). — S-ro Nyulaszij Géza, Szamvizsgalo.

*Coutances* (Francujo, Manche). — S-ro Georges Cadiou, 1, rue du Château Pisquiny.

*Dmitrov* (Rusujo). — S-ro D-ro Stefan Kohan, Orudjevskaja Bolnica.

*Elberfeld* (Germanujo, Barmen). — S-ro P. Tarnow, Barmen, Brucherschulstr., 7.

*Kreuzlingen* (Svisujo). — S-ro G. Schwengler, Sonnenstr., 28.

*Lugano* (Svisujo). — S-ino Louisa Erasmi, Cassarinetta, 6.

*Neuilly-Plaisance* (Francujo, S. & O). — S-ro Carpentier, 52, rue de la Station, (Subdel.)

*Novy Bydzov* (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Viktor Arnstein.

*Nowilles* (Francujo, S. & O.). — S-ro Guillemin (Subdel).

*Rochdale* (Anglujo). — S-ro H. Highley, 4, Exeter St.

*Saint-Chamond* (Francujo, Loire). — S-ro L. Sanguard, Saint-Martin-en-Couailleux.

*Saint-Claude* (Francujo, Jura). — S-ro M. David, rue des Ecoles.

*Shangaï* (Ĥinujo). — S-ro K. Ĉ. Ŝan, 50 Tsze ya Dieu St. Chinese Bund.

*Verdingen* (German., Rheinland). — S-ro J. Cahn, Oberstr., 20.

*Worcester* (Usono, Mass). — S-ro O. Gleason, Room 17, Post Office.

ŜANĜOJ. — *Bendzin* (Rusujo-Polujo) : La Del. estas nun : S-ro Izydor Sercarz. — *Berlin* (Germanujo) : La Del. estas nun : S-ro Teodor Kœhler, Gneisenstr., 58-S. 53. — *Braga* (Portugalujo) : La adreso de la Del. estas nun : S-ro Antonio Fontes, Famalicas. — *Dresden* : La Vicdel. de S-ro Radeck estas nun S-ro H. Krauss, Zolinertr., 20.

#### Forstrekoj.

*Goldfield* : S-ro Kinon. — *Tenerife* : S-ro Gonzeles. — *Lomnice sur Popelka* : S-ro Geisselreiter. — *Alcanitz* : S-ro Gimeno. — *Medina del Campo* : S-ro Garzia y Ruiz. — *Chiclana* : S-ro Dom Fernandez. — *Zofingen* : S-ro Diebold. — *Aberdeen* : S-ro Duguid. — *La Guardia* : S-ro Baudin Agnero. — *Winnitza* : S-ro Barklay de Toly. — *Tabor* : S-ro Cikhart. — *Carlisle* : S-ro Duckers. — *Taranaki* : S-ro Fraser. — *Wittenberg* : S-ro Hellige. — *St. Marienburg* : S-ro de Boedemaeckez. — *Bochum* : S-ro Neumeister. — *Caracas* : S-ro Briceno — *Dresden* : S-ro Borth. *Aleksandrio* : S-ro Lee. — *Stirling* : S-ro Maclaren.

Tiuj Del. estas forstrekataj, laŭ § 19 de la antaŭa Statuto.

---

NIA PLEBISCITO

## Kion niaj legantoj opinias pri ESPERANTO

Antaŭ pluraj monatoj (januaro 1910) ni arangis inter niaj legantoj *plebisciton* pri nia jurnalo. Sentante la bezonon konatiĝi kun iliaj bezonoj, scii, ĉu ni laboras sur vojo plaĉanta al ili, ni turnis nin al ili kun la peto, ke ili bonvolu malkaŝe esprimi sian opinion pri nia gazeto. Nia alvoko ne restis vana. Ni ricevis grandan nombron de tre plenaj kaj vere interesaj respondoj, kiuj multe helpis al ni. Manko de loko malhelpis, ke ni ĝis nun raportu pri tiu plebiscito en nia gazeto. La tempo nun tamen venis por plenumi nian devon rilate al la respondintoj kaj... rilate al niaj legantoj, kiuj estas scivolaj pri ĉi tiu cenzuro de la legantaro.

Ni diris, ke la respondoj estas interesaj. Kelkaj el ili okupas plurajn paĝojn kaj tre detale traktas la demandon ; aliaj, sur simplaj poŝtkartoj, koncize sed tamen tre klare resumas la opinion de sia skribinto. En tiu tre pala resumo, ni penis eltiri la komunan opinion, la mezon de la respondoj, kaj kiam ĉi tiu ne estis atingebla ni simple citos la plej interesajn.

Oni rememoras, ke por gvidi la respondontojn, ni estis proponintaj difinitajn demandojn, kies vicon sekvis preskaŭ ĉiuj respondintoj. Sed antaŭ ol respondi detale pri ili, niaj korespondantoj bonvolis esprimi sian simpation pri la agado de la jurnalo kaj sian ĝeneralan aprobon pri ĝia enhavo kaj karaktero. Por kelkaj estas eĉ senutile ion aldoni al tiu aprobo. « Ne faru ian ŝanĝon », diras unu, « Ni estas tre kontentaj pro la nuna aranĝo de la jurnalo kaj ne deziras ŝanĝojn », skribas alia « Mi multe ŝatas *Esperanto* tia kia ĝi estas. Ĝi estas verdire la plej bona Esperanta jurnalo. Mi kredas ke ĉiuj Esperantianoj estas samopiniaj kaj deziras neniun ŝanĝon. Ke ĝi restu la sama. Estas neeble, laŭ mi, plibonigi ĝin, ĉar ĝi estas perfekta », k. t. p.

Sed ni ne restu sur la kampo de ĝa puraj laŭdoj...

#### La Formato

La unua demando almetita estis pri la *formato*. Ĉu ni devas pligrandigi aŭ plimalgrandigi ĝin. Ho ! tie plena malkonsento. La respondoj dividiĝas en du egalaj partioj kun valoraj argumentoj. La unuaj asertas, ke la nuna formato estas tro granda ; kaj por apogi tiun kondamnon ili diras, ke estas neeble bindi la gazeton, ke ĝi tro facile dissiriĝas, ke ĝi estas nekonservebla, ke oni ne povas ĝin malfaldi kaj legi en publika loko ĉar ĝi okupas tro da loko (kun la disetenditaj brakoj !). « Ĝi fariĝas malbelaĵo, kiun oni ne plu konservas », « Nenie oni havas sufiĉe da spaco por legi tian paperaraĵon. Mastro de kafejo diris : Estas senutile aboni tian grandformatan gazeton kiu aperas nur duonmonate, ĉar ĝi jam en la unuaj tagoj estas tute dissirita », « La formato estas multe tro granda », « Duonigu la formaton », k. t. p. Tamen al tiuj protestoj la alia partio respondas, ke la nuna formato estas tre taŭga por propagando, ke la Esperantistaro devas fieriĝi, ke ĝi posedas jam tiel belformatan gazeton, ke dank' al tiu formato ĝi estas facile legebla, ĉio en ĝi facile retrovebla, ke en publikaj lokoj oni legante ĝin nepre atentigas la publikon. « La nuna formato havas aspekton imponan kaj belan » ; grupo skribas « la plimulto el ni preferas la nunan formaton », « La nunan formaton mi taksas kiel tre konvena, ĉar pro sia grandeco ĝi influas la indiferentulojn », « la nuna formato estas tute bona », k. t. p.

Klarigo de ĉi tiuj tiel malsamaj kaj ne akordeblaj opinioj estas duobla : Unuflanke, oni povas konstati, ke preskaŭ ĉiuj kontraŭuloj de la granda formato estas germanlingvanoj. Oni efektive scias, ke la germanaj jurnaloj, eĉ ĉiutagaj, estas presataj en negranda formato (trikvar kolonoj de largo) kompensata per notinda plimultigo de la paĝoj, dum la alinaciaj estas farataj laŭ la sama formato kiel *Esperanto* ; eĉ kelkaj anglaj kaj francaj gazetoj havas ankoraŭ pli grandan formaton. Germana leganto malfacile kutimiĝas al la grandformataj gazetoj, kiuj, se ili prezentas alian superaĵojn, estas evidente malpli oportune uzeblaj.

Aliflanke, la diverseco de la opinioj pri la formato rezultas ankaŭ de la diverseco de ideoj pri la rolo de *Esperanto*. Iuj vidas en ĝi, pro la graveco de la artikoloj, kvazaŭ revuon kaj sekve preferus ĝin havi en formato, kiu ebligus konservadon, facilan bindadon kaj ĉiutempan tralegadon. Aliaj konsideras ĝin kiel informan jurnalon, kiun oni rapide legas kaj... ne konservas. Por tio tre oportuna estas la nuna formato, kiu permesas tujan rigardadon de l'tuta enhavo.

Pri tiu sama demando oni devas ankaŭ konsideri, ke la jurnala formato, kiel ĝi nun estas, estas senteble pli *malkara* ol la revua formato — kio estis pripensita de malmultaj legantoj sed estas por ni tamen atentinda faktoro.

Konkludo ? — Konkludon ni ne havas. Se *Esperanto* devas esti propagandilo, informa jurnalo, ofte aperanta kun freŝaj novaĵoj, multaj diversspecaj artikoloj, tiam la nuna formato estas la pli bona. Se ĝi devas esti gazeto kun gravaj artikoloj, konservotaj, konsultotaj kaj relegotaj, tiam, ni volonte konfesas, malgranda formato estas pli taŭga kaj pli oportuna. Sed revuo estas pli kara, postulas pli da tempo. Plie ekzistas jam multaj revuoj en Esperantujo. Ŝajnas do, ke ĉe ni estas loko por *jurnalo* kun diversa materialo, bona informilo kaj resumilo de ĉio okazanta pri vivo internacia ĝenerale kaj pri Esperantismo aparte ; cetere tio nin kondukas al alia parto de la demandaro metita al la atento de niaj legantoj.

Finante tiun unuan parton ni rimarkigu ke, 1e). Eĉ en sia nuna formato la ekzempleroj de *Esperanto* estas facile konserveblaj kaj bindeblaj ; 2e) kelkaj legantoj proponis la revenon al la primitiva formato de *Esperanto* (larĝa kvar kolonojn) aŭ io prokoimuma kun duobligo de la paĝonombro — kio estas meza solvo ekzameninda ; 3e) ĉar la demando pri formato estas ankoraŭ nun en studado, ni volonte ricevos ĉiujn opiniojn de niaj legantoj (1).

(*Daŭrigota*). ESPERANTO.

(1) Vidu pri tio la ĉefartikolon en tiu N°.

---

Esperantia Konkurso

## ESPERANTIA ŜILDO

Jam de longe niaj Delegitoj esprimis la deziron ke U. E. A. vendu specialajn ŝildojn kun sia titolo kaj la nomo de nia Asocio, kiuj estus elmetataj ĉe la pordo de sia loĝejo kaj tiamaniere altirus la atenton de la publiko al U. E. A. Similaj ŝildoj estus ankaŭ necesegaj por Esperanto-Oficejoj, kiuj havus la permeson elmeti tian ŝildon, nur se ili plenumas necesajn kondiĉojn de plena organizo.

Deziresprimo pri tio estis cetere jam elmetita de nia 1a Kongreso.

Por difini la modelon de tiu plako, ni malfermas *konkurson* inter ĉiuj Esperantianoj.

Jen la kondiĉoj, kiujn devos plenumi tiu ŝildo.

1e Ĝi surhavu la nomojn *Universala Esperanto-Asocio* kaj *Delegito* (tiu ĉi lasta povos esti anstataŭata per *Esperanto-Oficejo*).

3e Ĝi havu ne pli ol tri kolorojn (enkalkulante la koloron de la fundo mem)

4e Ĝi havu iel ajn la insignon de U. E. A. (verda stelo kun blanka rando).

La konkursantoj sendu al ni modelon sur papero aŭ kartono en la ĝustaj dimensioj proponataj de ili kun la montroj de la uzotaj koloroj antaŭ la *15a de decembro 1910.*

Al la plej bona projekto ni sendos kolekton de Esperantaj libroj je valoro da 4 $ kaj al la tri ceteraj plej bonaj projektoj librojn je valoro da 2 $.

Ĉiuj sendaĵoj devas esti adresataj : Esperantio, 10, rue de la Bourse, *Genève*. La alsenditaj projektoj restos la propraĵo de U. E. A.

Ni esperas, ke kiel eble plej multaj el niaj samideanoj partoprenos je tiu konkurso kaj ke per iliaj ideoj kreiĝos bela kaj alloga modelo de Esperantia ŝildo.

U. E. A.

---

## Esperantiaj Informoj

**Antverpeno** (Belgujo). — Nia kunlaboranto S-ro Ed. Privat faris en la kongresurbo sukcesplenan paroladon pri Esperantismo kaj U. E. A.

**Brno** (Aŭtrio). — Post sukcesa ekskurso de Bohema komerca akademio al Balkanujo kaj Oriento, uzinta la servojn de U. E. A., montriĝas en la urbo serioza intereso por Esp. kaj U. E. A. Novaj aliĝoj sekvis el la supra eksperimento.

**Bruselo** (Belgujo). — *Regiona kunveno* de la Esp.-ianoj okazis la 12. Oktobro. S-ro Mathieux, Del., komence parolis pri la Augsburga Kongreso kaj ĝia laboro, speciale insistante pri la demando pri la revizio de la Statuto kaj la konsekvencoj de tiu decido.

Oni poste priparolis la situacion de U. E. A. en Bruselo kaj la ĉeestantaro unuanime aprobis la sekvantan tagordon : « La Broselaj Esperantianoj, aŭdinte la raporton de S-ro Mathieux, Del., pri la Augsburga kongreso, aprobas ĝiajn decidojn kaj ĉiam klopodados progresigi la Asocion laŭ la rimedoj, kiujn ĝi konsilas. Vivu U. E. A.

**Düsseldorf** (Germanujo). — La *regiona kunveno* okazis la 30. Oktobro, sub prezido de nia Del., S-ro Luis. Ĉar la varbado estas ĉi tie ne facila, ĉar la gazetoj ne tro favore rilatas al Esperantismo, oni decidis propagandi en privataj rondoj. Unuanime oni aplaŭdis la intencon sendi al ĉiu Esp.-iano la Jarlibron. La ĉeestintoj esperas, ke per tia metodo la solidareco tre fortiĝas kaj freŝa vento iros tra la anaro de U. E. A. Plenkonfide oni esprimis al U. E. A. dankon por la ĝisnuna laboro.

**Grenoble** (Francujo). La revuo « Les Alpes Pittoresques » publikigis, tre bonan artikolon pri Esp. kaj U. E. A. verkitan de nia Vicdel S-ro Roy.

**London.** — Nia prezidanto, S-ro H. B. Mudie, faris ĉe la Londona Esp. Klubo, lumbildan paroladon pri sia vojaĝo al kaj post la Kongreso de U. E. A. La ĉambrego estis plenplena kaj la aŭditorio estis vive interesita. En Bruselo kaj B. Godesberg la karavaneto de la Britoj havis la okazon renkontiĝi kun samideanoj. Post la kongresó, 10 britoj kaj 1 Italo, la karavano traveturis, plejparte per ĉevaltiritaj veturiloj, la belegan Tirolon. Tiam sekvas trankvila vojaĝado de Linz ĝis Belgrado tra Vieno kaj Budapest, kaj konstante sur la vojo troviĝas samideanoj. Tie en Belgrado la verda stelo brilis kaj en la sama vagonfako kun la karavano hazarde troviĝis la urbestro de Kragujevac, nia Del., kiu bonege parolis Esp. La revenovojo estis ŝipe laŭ la Dalmatia marbordo de Cattaro ĝis Fiume. Dum tiu ĉi vojaĝo oni ne eĉ unufoje sendis avizkarton, tamen konstante renkontis samideanojn, kiuj donis plej valorajn konsilojn kaj helpon. Dum la vojaĝo la karavano disdonis almenaŭ 700 ĉefeĉajn ŝlosilojn en 9 lingvoj. Nur ses el la ricevintoj sciis nenion pri nia movado. Finante S-ro Mudie certigis, ke nur lia scio de Esp. donis al li la kuraĝon veturi en tiuj kvazaŭ nekonataj landoj, kaj neniam li povos sufiĉe laŭtvoĉe aklami sian dankegon al Zamenhof. La aplaŭdado de la ĉeestantaro por nia eminenta prezidanto estis longa kaj laŭta, kaj montris kiel alte ĝi taksis lian laboron por Esperantismo.

**Münster** (Germanujo). — La propagando en Vestfalio estas malfacila. Nia Del. S-ro Kracht kaj S-ro Lentze faris paroladojn post kiuj sekvis kursoj. Oni esperas multajn aliĝojn al U. E. A.

**Sheffield** (Anglujo). — En « The Sheffield Weekly News » aperis bona artikolo pri U. E. A. kaj la interna ideo.

**Verviers** (Belgujo). — Serio de artikoloj pri la organizaĵoj de Esp.-ismo aperis en *Le Jour* ; unu el ili estis dediĉita al U. E. A.

∴

#### Tra la distriktoj

Ni ricevis de nia Distrikta Del. por *Kaŭkazo* interesan raporton pri nia afero en tiu lando. La Esperanto-Movado datumas ne pli ol de 5 jaroj. Unue limigite en Tiflis, ĝi disvastiĝis en aliajn urbojn : Baku, Kars, Elizavetpol, Aleksandropol, Batum, Kutais, k. t. p. Sed plej ofte la pioniroj renkontis sur sia agadvojo multajn malhelpojn ĉu el lokaj kulturkondiĉoj, ĉu el politikaj kaj administraciaj cirkonstancoj. Speciala agado pri U. E. A. ne povis ĝin nun esti tre fruktoporta : nia Esp.-istaro ne estas ankoraŭ sufiĉe preta akcepti la ideon de Esperantio kun aktiva entuziasmo. La tuta laborenergio de la samideanoj sin direktas al organizado de kursoj, precipe meze de la junularo, pretigante tiamaniere por Esperantismo kaj Esperantianismo pli favoran akcepton ».

Nuntempe laboras en Kaŭkazo 4 Del. varbintaj 87 membrojn. Oni klopodos nun elekti Del. en aliaj urboj.

## La Dua Kongreso de U. E. A.

La intertraktadoj aktive daŭras inter la Komitato de U. E. A. kaj la Komitato de la Antverpena Kongreso, pri la dato kaj programo de nia *dua* Kongreso.

Ni baldaŭ informos niajn legantojn pri la rezultatoj. Ni jam de nun povas anonci, ke la Kongreso de U. E. A. okazos aparte de la Esperantista Kongreso, sed en la sama semajno, ĉu antaŭe, ĉu poste.

∴

La organiza komitato de la VIIa kongreso de Esperanto informas nin per cirkulero, ke la projekto pri monumento al Esperanto, starigota en Antverpeno, estis forlasita, post la diversaj opinioj ricevitaj.

## Al niaj Legantoj

#### Kial la ponumera vendado de ESPERANTO devas ĉesi ?

Eble multaj personoj miros, ke ni devas ĉesigi la ponumeran vendadon de *Esperanto*. Simpla ekzemplo montras, kial ĉi tiu vendado ne povas daŭri.

Ni, kiel bazon, prenu la ciferon de 100 personoj. Se 100 personoj abonas la jurnalon, ni ricevas 100 × 1,60 = *160 Sm.* Se anstataŭ aboni tiuj 100 personoj regule aĉetas la jurnalon ponumere, ni ricevas 100 × 24 n-oj jare = 2.400 ekz. × 6 sd. = 144 Sm. El tiu sumo oni devas depreni 25 0/0 da rabato al la revendistoj, agentoj, k. a. ; restas do 144 — 36 = *108 Sm.* Tio estas maksimumo, ĉar : 1e en diversaj lokoj ni devas doni 30, 33, eĉ 50 0/0 da rabato ; 2e en multaj lokoj oni vendas la jurnalon nur kondiĉe ke oni povu resendi la nevenditajn ekz. ; 3e tre ofte okazas ke ponumera aĉetanto ne tute regule aĉetas la gazeton. Pro tiuj tri kaŭzoj oni devas ankoraŭ depreni 20 0/0. Restas do 108 — 21,60 = *86,40 Sm.* Konkludo : la ponumera vendado enspezigas duone malpli ol la abonoj. Se oni aldonas, ke el ĉiu *abono* (pro la altaj poŝtelspezoj) ni gajnas nur kelkajn sd. oni facile komprenos, ke la ponumera vendado estas malgajniga. Dekobligante la nombron de la ponumeraj legantoj ni nur dekobligus la ciferon de la malgajnoj... dum dekobligante la nombron de la abonantoj ni havus gajnon, kiu permesus al ni efektivigi pluajn progresojn. Alia rimarko ne estas necesa. Abonu *Esperanto* vi kiuj ĝis nun ponumere ĝin aĉetis, jen la sola kaj simpla rimedo !

ESPERANTO.

## Esperantia Vivo

**Mortoj.** — Ni kun granda bedaŭro eksciis pri la akcidenta morto de nia fervora samideano, S-ro *Frederik de Skeel-Giœrling*, redaktoro de la Internacia Revuo de l'Kongresoj, antaŭa prezidanto de la Dana Esp. Ligo kaj eks. Del. de U. E. A. en Kopenhago. Antaŭ nelonge S-ro de Skeel-Giœrling estis veturinta Bruselon, kie li sin okupis pri la Esp-ekspozicio en tiu urbo. Ni sendas al lia familio kaj liaj amikoj nian sinceran kondolencon.

∴ S-ro Vasilĉo, fils de S-ro Mlaĝov, fils de S-ro Mlaĝov, nia Del. en Dubnico. Sinceran kondolencon.

## Esperantia Parolejo

#### Tra la Mondo per Esperanto kaj U. E. A.

Per letero kiun ni jus ricevis de la Esperanto-Societo de Los Anĝeles, (Usono) ni eksciis veran novaĵon. Nia juna samideano. S-ro D. E. Parrish, Del. U. E. A., intencas en Februaro 1911 lasi siajn proprajn aferojn kaj sin dediĉi tute al Esperantismo. Por komenci sian laboron li faros longan vojaĝon, vizitante Del. de U. E. A. kaj Esp. grupojn en ĉiuj landoj de la mondo. S-ro Parrish intencas resti du tagojn aŭ pli en ĉiu urbo kaj speciale klopodos varbi al Esperanto gravajn firmojn, komerco-ĉambrojn, k. t. p. Li faros interesan paroladon pri Usono, precipe pri ĝia plej bela parto, Kalifornio, kaj por ilustri ĝin, portos kun si plej bonan bild-projekcilon kaj montros grandan nombron da koloraj lumbildoj, speciale elektitaj por tiu celo. Tiuj estos interesaj eĉ por ne-esperantistoj kaj faros tre efikan propagandon.

Ni kredas ke tiu parolad-vojaĝo tra ĉiuj landoj, uzante nur Esperanton kaj la servojn de U. E. A. estos la plej bona kaj konvinka propagando kiun oni povus fari. Ni do petas ĉiujn Del. kaj grupojn tuj skribi al la suba adreso kaj inviti S-ron Parrish. Kompreneble, li vojaĝos sub la aŭspicioj de U. E. A. kaj oficiale reprezentos la Los Anĝeles'an grupon.

Li jam faras sian vojaĝplanon, kaj venos Eŭropon en Marto 1911. Do, ne prokrastu, sed tuj faru aranĝojn por ke tiu ĉi sperta kaj fervora propagandisto vizitu ankaŭ vian grupon. La sekretario informos pri datoj, k. t. p.

ESPERANTO-SOCIETO de Los Anĝeles,
*Los Anĝeles. Kalifornio, Usono.*

#### Al ĉiuj Esperantistoj en Germanujo!

La decembro 1910 okazos en Germanujo oficiala kalkulo de la loĝantaro. La kalkulkarto certe enhavos la rubrikon : « Kiun lingvon vi parolas krom la Germana ? »

Esperantistoj ! Ne forgesu respondi tiun ĉi demandon per la vorto : *Esperanto*. Tiamaniere ni povos havi oficialan statistikon pri la disvastiĝeo en Germanujo.

H. FR. (Del. Frankfurt).

Sama rimarko pri Svisujo, kie baldaŭ okazos simila ĝenerala recenzio.

(RED).

#### La francaj komercaj ĉambroj kaj Esperanto

Jen la rezultato de mia enketo pri la sintenado de la francaj komercaj ĉambroj pri Esperanto.

Respondis entute 52 ĉambroj ; en 72 lokoj ekzistas esperantistaj grupoj. Nur unu komerca ĉambro ne sufiĉe komprenas la movadon ; ĉiuj aliaj ĝin tre favore juĝas ; tre ofte ili havas interrilatojn kun la grupoj, kaj ilin morale kaj eĉ parte mone subvencias ; ĉi-tion raportas la ĉambroj de Agen, Grenoble, Laval (pere) Puy. Kelkaj nur tial ne donas monon al la grupoj, ĉar ili ne bezonas monhelpon kaj ne petis ĝin. Kelkaj ĉambroj aŭ prezidantoj estas honoraj membroj de esperantistaj grupoj. La ĉambroj de Abbeville, Arras, La Rochelle, Laval, Puy, Rennes respondas aŭ respondigas en Esperanto. La rezultato de la enketo estas do tre kontentiga. Kompare kun la hispanaj komercaj ĉambroj la francaj havas multe pli bonan konon kaj komprenon de la Esperantista movado.

Mi nun min turnos al la Britaj komercaj ĉambroj.

Dr. M. KANDT,
*Sindiko de la komerco ĉambro ; estro de la Komerca Fako de U. E. A.*

---

## Esperanto - Movado

Denove post la somera dormo rekomencas, la vintra esperantista agadfebro. Paroladoj, kursoj, novaj grupoj — jen la enhavo de la grupaj raportoj en la naciaj jurnaloj. La somer-aŭtunajn festojn anstataŭis vigla propagando kiu puŝas ĉiam antaŭen nian komunan aferon. Ni do deziru sukceson al niaj fervoraj amikoj !

**Germana Esperantisto**, N. 11 novembro.

D-ro Breiger, parolante pri « Esperanto kaj internacia kuracistaro », diras kelkajn ofte ripetatajn de ni, sed ĉiam ripetindajn veraĵojn : « Certe estas, ke kuracarto kiel ĉiu scienco kaj arto estas internacia ! Certe kuracisto povas helpi alilandan malsanulon same kiel samnacian, se li nur povas kompreni liajn plendojn kaj dezirojn ; do estas necese, ke ili ambaŭ komprenu unu saman lingvon. Krom tio kuracarto estas scienco de spertoj ; estas do tre dezirinde, ke ĉiuj esploroj kaj sperto de internacia kuracistaro estu konigataj al kiel eble plej multe da kuracistoj ». Antaŭe ĉiuj sciencaj verkoj estis publikigataj latine por ke ĉiu klerulo ilin komprenu. Sed, ĉar pligrandiĝis kaj plivastiĝis la sciencaj kaj la specialaj teknikaj fakoj, oni ne havas la eblecon atenti la latinan lingvon, ne forlasante la novajn eltrovojn. Jen kial nun preskaŭ neniu komprenas tiun lingvon. Tamen la teknikaj progresoj pliakrigis la demandon pri lingvo internacia, kaj speciale por sciencaj aferoj. Oni penas solvi la demandon per internaciaj kongresoj kaj jen, ni devas konstati, la intereso al tiuj kongresoj ĉiam kaj ĉiam falas. Jen plendo de franca kuracisto, kiu ĉeestis unuan fojon la kuracistan kongreson en Parizo : « Atendinte vidi la kunvenan salonon plenigitan ĝis la lasta seĝo, aŭdi la plej novajn spertojn de fremdlandaj korifeoj, aŭskulti interesan, sciencan interparoladon pri la plej gravaj demandoj de kuracista mondo, mi trovis en vasta salono apenaŭ dekduon da kongresanoj, sidantaj en duonrondo kaj pacience aŭskultantaj la franclingvan paroladon de itala kuracisto; la franca lingvo kaj precipe ĝia elparolado, estis tiel malbonaj ke eĉ frankelandano nur malfacile povis kompreni ĝin. Kion komprenis la angloj, germanoj, k. t. p. ».

Kiel ni jam diris, ĉio supredirita ne estas novaĵoj. Ni esperantistoj jam delonge ekvidis tiun situacion kaj solvis ĝin proponinte Esperanton, kiel helplingvon. Tamen ni citas tiun artikolon, ripetante tiujn frapantajn faktojn por la multegaj skeptikuloj, kiuj tiel ofte disputas kun ni.

La Aŭgsburgaj kongresoj lasis post si bonan impreson en Bavarujo. Niaj bavaraj amikoj jam komencas rikolti la fruktojn. Jen, kiujn informojn ni havas pri la tiea movado : « Tre rimarkindaj estas la progresoj de nia afero en la tuta reĝlando per la okazintaj kongresoj. Preskaŭ en ĉiu urbo kaj urbeto la ligo nun havas korespondantojn, per kiuj oni preparas la fondon de novaj grupoj. Oni nun bezonas ĉie instruantojn ! Por forigi iomete tiun mankon oni enkondukis « korespondan instruadon », en kiu jam multe da korespondantoj partoprenas. La ĉef-sekretario de la ligo, S-ro Beideck fondis gravan organizon kiel sekcion de la ligo por unuigi la bavarajn instruistojn. La sekcio preparas alvokon al ĉiuj bavaraj instruistoj. »

Jen ankoraŭ informo pri la movado el la kongresurbo Aŭgsburgo : « Estas antaŭvideble, ke nia afero en Aŭgsburg kaj Bavarujo, progresinta rimarkinde jam antaŭ la kongreso, multe pli progresos. La grupo ĝis nun aranĝis 6 novajn kursojn kun entute 156 partoprenantoj, 2 pliaj kursoj estos malfermitaj post kelkaj tagoj. Krome la grupo aranĝis 2 specialajn kursojn en la komercista unuiĝo « Merkur », en kiu S-ro Beideck paroladis, kaj en la unuiĝo de l'inĝenieroj.

En ĉiuj societaj rondoj de la urbo la intereso por nia lingvo estas tre granda. Ankaŭ en la grupo mem, kiu nun havas proksimume 250 membrojn, la scio pri nia lingvo progresas. Pro la granda nombro de la membroj oni devis partigi la grupon en diversaj sekcioj. Kelkaj firmoj jam enkondukis nian lingvon, kiel komercan lingvon.

Lastatempe en Germanujo okazis 28 paroladoj, malfermiĝis 18 kursoj kaj fondiĝis 5 grupoj.

El Breslaŭ oni skribas : « Fondiĝis instituto speciala por instruado pri nia lingvo, kiu troviĝas en Augustastr. 36. En ĝi oni instruas laŭ deziro dum ĉiu ajn tempo de la tago. Post konvinka parolado do S-ro Schlaf 56 laboristoj fondis grupon specialan, S-ro Mahn instruas ilin. Denove « Humboldt-Akademie » envicigis la studon de Esperanto en sian fakaron, tiun kurson gvidas F-ino Wolfson. Plie S-ro Freund entuziasmigis kelkajn geblindulojn por nia afero, kun kiuj li studas nian lingvon ».

Lastatempe en kelkaj germanaj gazetoj komencis vigla interdiskuto por kaj kontraŭ Esperanto.

Interesa propono aperis en la sama gazeto. Jen ĝi estas.

« Ĉu vi deziras veturi Antverpenon ? Certe jes ! Ĉu vi havas monon ? Verŝajne ne. Do konigu dekope kaj pagu ĉiu el vi monate (M. 1/2 Sm.) Tiam lotumu la sumon, kaj la feliĉa gajnonto per la 100 M. da subteno certe povos pagi la vojaĝkoston.

Ni devas esti multegaj en Antwerpen ! »

Imitinda ekzemplo !

**Germana Esperanto Gazeto**, N. 13, Oktobro.

Interesan informon ni legas en ĝi. Jen ĝi estas : « F-ino **Hedwig Dreissig en Hœchst a. Main** sciigas nin, ke en la proksima ĉarma urbeto Eppstein (Taŭnus) troviĝas tombo de antaŭ sesdekmonatoj mortinta nia angla samideano, kiu de nelonge havas tombŝtonon kun la jena de angla pastro verkita nur skribo en Esperanto : Por amplena memoro en Ernest Pointer en 1881-1900 « En espero de eterna vivo » Titus I. 2.

Tiel patrino agis laŭ la inteneo de mortinto, evitante la indikon de lia nacieco, sed esprimante ke li apartenis al sola tutmonda nacio, kies ĉefa motivo estas « La Espero ». Tiel la ŝtono faras decan sed efikan propagandon por nia kara lingvo kaj ideo. ».

Kiel aldono aperas de nun la Jurnalo « Varieta Mondo », la oficiala organo de la Varieta « Esp.-Ligo. La redakcio esperas, ke ĝi baldaŭ havos la eblecon aperigi memstaran gazeton sub la sama nomo. Interesa artikolo de S-ro Bigalke aperis en tiu numero, titolita « La Varietea Esperantista Ligo kaj ĝia graveco por la Esp. Movado ». La aŭtoro bazas sur la ideo, esprimita de nia estimata redaktoro ke la venko de nia Esperanto-Movado ne dependas de la nombro de sciencaj eminentuloj, apartenanta al ĝi, sed ĉefe de la popola forto. Tial, konkludas S-ro Bigalke, estu unu el niaj ĉef-taskoj enigi nian lingvon en la popolon, en la larĝan popolan amason. Nia ĝisnuna propagando faris sufiĉe multe, sed ĝi ne taŭgas por tiu celo. Pro la skeptikeco kaj indiferenteco la publikaj paroladoj kaj kunvenoj ne atingas la celon, ĉar ĝuste tiuj skeptikuloj ne vizitas ilin. Tio ne signifas, ke inter forrestanta publiko ne troviĝus multaj konvinkeblaj, sed por ili estas pli necese faktoj kaj agoj, praktika uzado kaj aplikado.

« Ni scias, ke ni bezonas la popolon : sekve, ni devas klopodi por gajni ĝin, sed la popolon oni ne povas inviti, sed oni devas ĝin viziti, serĉi, surprize ataki. Sed kiamaniere ? »

Lo aŭtoro vidas la solvon de tiu problemo en la V. E. L., kies internacia karaktero estas tre grava por nia propagando. Dum sia ĉiujara ekzistado la Ligo havas jam multajn anojn kaj aranĝis kelkajn prezentadojn.

Tiuj prezentadoj estas tre gravaj kaj speciale propagandas inter la popolo.

**British Esperantist.** Novembro 1910.

Sekvante la ekzemplon de la G. E. A. kaj en simila maniero la B. E. A. (Brita Esp.-Asocio) intencas starigi garantifondaĵon da 60.000 Sm. por la propagando de Esperanto tra la Brita imperio. Varma alvoko estas adresata al la Britaj Esp.-istoj por la formado de la dirita kapitalfondaĵo. — Novaj grupoj en Barnsley, Gloucester, Rotherham, Inverness. — La 4-a Brita Esp. Kongreso okazos en Stockport.

La antaŭlasta N° de B. E. enhavis bonegan artikolon de nia prezidanto, S-ro H. B. Mudie, pri liaj impresoj el la Augsburga Kongreso.

**Rumana Esperantisto**, N. 10-11 julio, Aŭgusto.

Kun tiu numero finiĝas la dua jaro de tiu organo. La redakcio anoncas en ĝia « fermparolo », ke la organo Rumana Esperantisto ne plu aperos, kiel esperantista jurnalo, sed, amikoj « ne malĝoju ! La redakcio tuj klarigas al vi la kialon de tiu decido : « La legantoj ne atendu ian nekrologion. Ne la rolon de nekrologio ni destinis al tiu ĉi « Ferma parolo », sed la rolon de testamento !

Jes, ĝi estas la testamento per kiu oni anoncas ke « Rumana Esperantisto » mortas memvole kaj ĝoje kaj estas heredata kaj daŭrigata de la juna kaj forta « Danubo » naskiĝinta el kunfandiĝo de nia revuo kun « Lumo » de niaj Bulgaraj samideanoj. Tial bedaŭresprimoj ne estas, la amikoj ne devas ĉagreni, nek la malamikoj ĝoji ! Estas ĝoja morti, kun kantoj kaj ĝojkrioj. Estas morto de Tenikso, ĉar el la ankoraŭ varma cindro de la revuo « Rumana Esperantisto » naskiĝas plena je vivo kaj forto « Danubo », infano vartata kaj nutrata de du patrinoj ! Tial ni ankaŭ povas krii laŭ la diro « Le roi est mort, vive le roi ! Mortis » « Rumana Esperantisto. Vivu Danubo ! »

Dum la lasta monato en Rumanujo malfermiĝis 3 kursoj, kaj fondiĝis 1 grupo.

**La Publicidad**, N. 11.331. Barcelona, Barbad II y. 13.

Oficiala organo de la kvina malfermis ĉiusemajnan esp. rubrikon.

S. S.

---

